VIIa jaro. No 96 ★ Duonmonata ★ 5 Marto 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**
Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono . . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**
Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO

*Klara Rivero*, Verto.
*Liberaj vortoj : Gazetaro kaj lingvo*, H. H.

**Socia vivo :**

*Situacio de la fremdaj laboristoj en Francujo*, Souchay.
*Tra la hispana literaturo*, P. Linarès kaj A. Carles.
*Ĉefverko de la Norvega Industrio*, R. Buseke.
*Iom pri la brazila klimato*, F. Thierack.
*La Panama Kanalo*, H. Hall.
*Optika iluzio ; Pensoj pri Milito.*
*Aŭtomobilismo kaj Mondpaco.*
*Notoj.*

**Literatura paĝo :**

*La Suferoj de juna Werther*, W. v. Goethe.
*Tra la Esperanta literaturo :* Kudrna kaj Verto.

**Esperantismo :**

*Kroniko.*
*Novaj kursoj, festoj, paroladoj, k. a.*
*Okazontajoj (Kongresoj kaj festoj).*
*Diversajoj .Tra la gazetaro.*

**U. E. A. :**

*Oficiala informilo ; Novaj Delegitoj.*
*Esperantia parolejo ; Fakaj organizajoj.*

## KLARA RIVERO

Mi loĝas grandan industrian urbon, kiu kuŝas amfiteatre sur la deklivo de monteto. Je la horoj de laboriro kaj laborreveno, la stratoj svarmas kaj bruadas pro multego da laboristoj rapidantaj ĉu al la metiejo ĉu al la hejmo. El la altaj kamenturoj supreniĝas turniĝantaj nuboj da nigra fumo, kiuj ofte makulas la ĉielbluon kaj duonombrigas la sunlumon. Kiam pluvegas, torentoj da kotaj akvoj defluadas laŭ la deklivaj stratoj kaj en la subkuŝantan riveron fortrenas nigran ŝlimon kaj ĉiuspecajn malpurajojn.

Malsuprenirante la stratojn, aŭ larĝajn kaj rektajn aŭ mallarĝajn kaj malrektajn, oni atingas la bordojn de tiu larĝa rivero, kies akvaro trankvile, regulmove fluas tra valo plej poezia kaj ĉarma.

Mi amas, kiam (tro malofte!) mi ĝuas kelkajn libermomentojn, promeni laŭ la bordoj de tiu alloga rivero. Kiam mia cerbo laciĝas pro troa strečado super la libroj kaj paperaĉoj, kiam mia koro malkvietiĝas pro la mil zorgoj de la familia, societa aŭ esperantista vivado, ĝiaj pacaj kampecaj bordoj redonas al mia animo la trankvilecon kaj serenecon. Se iam nia propagando ŝajnas al mi tro malefika, se tro da semoj perdiĝas, se la disvastiĝo de nia lingvo kaj movado estas tro malrapida kaj la baroj tro multaj, rezistaj kaj senĉese restariĝantaj tiam mi rigardas tiun riverfluon, kiu ĉiujare, ĉiutage, ĉiuminute, senlace, konstante, unucele, unumove, faras sian laboron ; kiu, ne trorapidante, sed neniam perdante kuraĝon, jen movadas la radojn kaj turbinojn de fabrikejoj, jen portadas ĝis la riverego aŭ ĝis la Oceano la tributon de la kamparoj, kiujn ĝi akvumas kaj igas fruktodonaj.

Kaj mi diras al mi : « Ĉiu el ni, esperantistoj, estas kvazaŭ ondo aŭ akvoguto de tiu klara rivero ; ĉiu el ni estas preskaŭ nenio, sed se ĉiu modeste, sed rekte antaŭen, plenumas sian taskon kaj lojale fluas al la esperata celo, kian grandegan forton ricevos niaj kunigitaj penadoj ! Mi rigardu tiun riveron. Kiam mi estos leginta en iu ajn revuo aŭ libro tro facilanimajn kaj senprudentajn parolojn, vortojn inspiritajn de pli malpli kaŝitaj enviemo, jaluzemo, malamo, venĝemo, tiu ondaro kiu milde, mallaŭte pepadas per siaj sennombraj ridetoj, per sia paciga regula fluado revokos en miajn koron kaj cerbon la serenecon kaj kvietigos la ekbolon de mia animo ! »

*
* *

La lastan dimanĉon, mi faris mian kutiman promenadon. Mi foriris el la urbo kaj sekvis la direkton de la rivero. Kvankam estis ankoraŭ la vintro, tamen la suno estis pli brila ol ordinare ; la ĉielo, tro ofte grizmakulita, estis en tiu ĉi tago mirinde pura kaj diafana ; vera printempa tago !

Sed malgraŭ tiu gajeco de la revekiĝanta naturo, miaj pensoj estis malĝojaj. Mi malgraŭvole pensis pri la stranga konduto kaj la maltimegaj teorioj de iaj junaj verkintoj de antaŭparoloj kaj vortaroj.

Dum dudek jaroj, la unuahoraj esperantistoj penis por konservi la purecon de nia fundamenta lingvo, por enkonduki novajn vortojn nur en okazo de nepra neceseco ; ni kiel eble plej antaŭzorge dividis la teĥnikan de la komuna kaj nur literatura lingvo ; ni forigis multajn idiotismojn kaj

pure naciajn vortojn kaj esprimojn; ni kontraŭbatalis la dialektajn formojn kaj ni fleksigis aŭ vastigis niajn personajn sentojn por pensi internacie, verki internacie, turnante nin, ne al niaj samnacianoj, sed al niaj samteranoj, rigardante ne nur la ĉielon de nia patrolando, sed la komunan ĉielon de niaj tutmondaj fratoj; ni eĉ starigis studkomisionojn por traserĉi en la beletristiko la neologismojn, kiuj riskus kompromiti la ĝisnunan purecon de nia bela lingvo kaj malhelpi ĝian uzeblecon, klarecon, internaciecon.

Sed kion utilas tiom da amasigita laboro, tiom da kvazaŭ patrinaj zorgoj ĉirkaŭ la lulilo kaj edukejo de nia amegata infano? Jen aperas junuloj, eĉ maljunuloj, kiuj plenmane jetas, ne en la literaturon, sed en la vortaran materialon amasojn da vortoj kiujn neniam ni legis en la bonaj esperantaj verkoj, kiuj neniam elfluĝis el la lipoj de la bonaj esperantistoj; vortoj kiuj similas tiujn bufojn kaj serpentojn elĵetitajn el la buŝo de la malafabla, malhumila knabino en la fama feina rakonto!

Per granda amaso da ŝajna logikeco kaj da sciencaĉaj argumentoj tiuj junuloj defendas ideojn, kiuj aspektas al ni kiel monstraĵoj kaj absurdaĵoj. Ili senhonte pretendas, ke Esperanto ne havas, ne devas havi propran genion; ke ĉiu esperantisto rajtas verki per sia nacia spirito, naciaj ideoj, preskaŭ naciaj vortoj; ke netradukeblaj vortoj devas ricevi en nia lingvo kvazaŭ honoran lokon; ke Esperanto ne taŭgas por esprimi la komunehomajn ideojn, sentojn, aspirojn, sed nur por ke ĉiu naciano enverŝu en la tiel diritan internacian trezoron siajn naciajn, gentajn, rasajn (kial ne vilaĝajn?) ideojn kaj radikojn! Resume, la lingvo internacia iam eltirita el ĉiuj apartaj lingvoj, kies kvintesenco ĝi estas, devas malantaŭen reflui kaj reveni al sia devena fonto! La internacia lingvo devas fariĝi nacia! Jen estas la absurdaj konkludoj, kien nepre kondukas tiuj facilanimaj teorioj!

Ho ve! mi diris malgaje al mi! tiuj fuŝistoj neniam komprenis, neniam komprenos esperantismon! eble Esperanto vivetas aŭ vegetas en ilia kapo, sed ĝi ne vivegas en ilia koro. Ili vivisekcias nian karan sanan lingvon, ne aŭdante, ne aŭskultante ĝiajn plorĝemojn kaj dolorkriojn! Per siaj bisturioj kaj skalpeloj ili malpurigos, infektos, fine mortigos nian lingvon kaj nuligos nian tutan laboradon!

* *

Malĝojigite de tiaj pripensoj, mi malsupreniris sur la bordon de la rivero, mi sidiĝis tute proksime; la murmuretantaj ondoj preskaŭ lekis la pinton de miaj ŝuoj. La akvo estis tiel diafana, travida, ke oni vidis multnombrajn fiŝojn ludnaĝi, kvazaŭ flirti ĉirkaŭ sunradio. Antaŭ miaj okuloj etendiĝis insuleto kun dometo kaj poplareto; fiŝkaptisto kun larĝa ĉapelo kaj longa kano paciençe observadis la surnaĝantan korketon. 'Insuleto, dometo, poplareto, fiŝkaptisto reflektiĝis kun mirinda precizeco kaj detaleco en la klara sunbriligata akvosupraĵo.

Dolĉa zefiro ekblovis, varmetigita de preskaŭ printempaj sunradioj. Tiam miaj pensoj iom post iom pliagrabliĝis, kaj mi komencis reesperi. Ŝajnis al mi, ke mil voĉetoj eliras el la ondlipoj de la rivero kaj murmuris al miaj oreloj: Esperantisto, ne malesperu! Vidu! Mi malsuprenfluas de la montaro; mi fontas el la neĝo kaj el la alta virga glacio de la montoj, same kiel Esperanto fontis el la soleca altega turo loĝata de saĝa, altanima, homama geniulo. Poste mi trafluas la kamparojn, mi preterlavas grandajn industriajn urbojn. Jus mi pasis sub tiu amfiteatra urbo, kies kamenturoj fumvomas ĉe l'horizonto; preterpasante mi ricevas pluvakvojn, malpuraĵojn, kloakajn ŝlimojn elbalaaĵojn, kiuj enfluas min torente aŭ enfaladas plenveturilege. Tamen rigardu! mi rapidpuriĝe daŭrigas mian kuradon; post kvaronkilometra fluado mi reklariĝas; mi filtras, purigas la malpuraĵojn, malinfektas la miasmojn, malvenenigas la venenojn, blankigas la nigraĵojn, bonodorigas la haladzojn, vivigas la mortintaĵojn, trinkebligas la putraĵojn, kaj portas al la maro repurigitan tributon. Mi speguligas la herbejojn kaj montetojn, pajldometojn kaj kastelojn kaj prezentas allogan trinkaĵon al la ŝvitanta piediranto. Tiel mi plenumadas mian centjaran laboron malzorgante la malpuriga̧jojn kaj la malpurigistojn. Sekvu mian ekzemplon, ho senkuraĝigita esperantisto! plenumu modeste vian taskon kaj pensu, ke tiun kotan balaston, kiun senpripensuloj aŭ falsaj scienculoj jetas en la fluejon de nia klara lingvo, Esperanto baldaŭ filtros, malinfektos, fine elĵetos kaj daŭrigos disportadi al ĉiuj homoj la puran akvon de konkordo kaj tutmonda frateco!

VERTO.

---

# Liberaj Vortoj

## Gazetaro kaj lingvo

La plej taŭga maniero fariĝi bona Esperantisto, laŭlingve, estas *legi*. Sed ĉu legi ĉiuspecajn tekstojn estas egale bona? Kiel nacian lingvon oni ellernas legante ne nur gazetojn, sed ankaŭ bonstilajn kaj karakterizajn literaturaĵojn, tiel same kaj eĉ pli multe, oni pri la lingvo Esperanto havas ĝustan kaj plenan ideon nur post atenta legado de ĝiaj plej bonaj literaturaĵoj.

Estas ne dubeble, ke la tromulteco de gazetoj malutilas al la legado de la libroj. Gazeto estas pli malkara, pli diversa, pli supraĵa; oni ĝin abonas, ĝin do regule ricevas; ĝi sin trudas al vi. Libron oni devas aĉeti, kaj malmultaj aĉetas..., eĉ se ili povas. Tio ne estas helpo por Esperanto.

Sed tiu krizo de l'libro ekzistas en la aliaj lingvoj same kiel en Esperanto, kaj oni povus sin konsoli, se la tekstoj de niaj gazetoj estus, ni ne diras eĉ literaturaj, sed korektaj. Nu, oni devas konstati, ke se kelkaj estas tute imitindaj en tiu rilato, aliaj liveras tekstojn ne nur senstilajn, sed eĉ rekte malkorektajn. Tiaj gazetoj estas ĝuste la samaj, kiuj havas malmulte da legantoj, estis senpripense redaktataj kaj ne respondas veran bezonon. Iliaj kreintoj estis plej ofte freŝaj Esperantistoj; ili zorgis nur pri la unuaj numeroj kaj malmulte pri la sekvontaj; se la gazeto havas malmulte da legantoj, ĝi ankoraŭ havos pli malmulte da bonaj kunlaborantoj. Rezultato: por plenigi la gazeton, oni enŝovas ies ajn verkaĵojn aŭ tradukaĵojn ne nur neinteresajn, sed tro ofte erarplenajn, kaj novaj Esperantistoj, kiuj legas nenion alian krom sia nacia gazeto, sin nutras per tiu literaturaĉo kaj kredante, ke ili bone konas la Esperantan verkaron, arogas al si la rajton solvi lingvajn demandojn kaj, se bezone, ŝanĝi Esperanton.

La legado de niaj bonaj verkoj, oni ne ĉesos ripeti, estas la plej bona kuracilo kontraŭ ŝanĝemo, sed por tio estas necese, ke niaj samideanoj konatiĝu kun la vera Esperanta literaturo, kaj ne nur kun gazetartikoloj pli-malpli bonaj. Kiel ĉiu lingvo, Esperanto havas stilon: skribi Esperantajn vortojn gramatike ĝustajn ne signifas posedon de la Esperanta stilo; tiun ĉi oni devas akiri.

Ankaŭ ne favora al la lingvo estas la fakto, ke naciaj gazetoj publikigas konstante literaturaĵojn verkitajn de samnacianoj. Ĝi kondukas vole-nevole al la kreo de naciaj « Esperantoj ». La naciaj gazetoj devus aŭ lasi la publikigon de artikoloj kun literatura pretendo al la specialaj revuoj internaciaj, aŭ publikigi la verkaĵojn de alilandaj bonaj Esperantistoj.

Aliparte, por reveni al la libra krizo, estas evidente, ke tro malmultaj gazetoj serioze kritikas tion, kio aperas. Multaj egale nomas bonega ĉion, kio estas Esperante skribita, sendube por ne malkuraĝigi la aŭtorojn. Tio ne estas pruvo de forto kaj malutilas al la bonaj verkoj. La kaŭzo estas

# SOCIA VIVO

LABORO

## Situacio de la fremdaj laboristoj en Francujo

La leĝo de la 8ª aŭgusto 1893 trudas al fremdaj laboristoj kelkajn devojn nepre konindajn de ili.

Ĉiu fremdulo, kiu venis en komunumon por *labori*, devas iri en la ok unuaj tagoj de sia restado al la urbdomo (en Parizo, al la polica estrejo) por deklari, ke li restados kaj pruvi sian memecon. Oni uzas por tio specialan registron, kiu havas formon fiksitan per ministra dekreto.

Ekstrakto el tiu registro estas donata al la fremdulo laŭ formo de civilaj aktoj kaj kostas la saman prezon. Se li ŝanĝas sian restadejon, li devas en la du sekvantaj tagoj iri al la tiea urbdomo kaj reguligi sian skriban ateston. La fremdulo, kiu ne faros la deklaron konforme al tiu leĝo aŭ rifuzos montri sian skriban ateston, estas monpunebla per 20 ĝis 80 Sm ; kiu faros malĝustan deklaron povas esti monpunata per 40 ĝis 120 Sm kaj elpelata el la lando provizore aŭ definitive. Elpelito revenanta sen la registara permeso en la francan teritorion riskas malliberiĝon dum unu ĝis ses monatoj, post kiu li estos reakompanata al la landlimo.

Francujo interkonsentis kun aliaj landoj por profitigi la fremdajn enloĝantajn laboristojn pri la franca asekuro kontraŭ laboraj akcidentoj. Tiuj traktatoj okazis : kun Belgujo 21 feb. 1906 ; kun Luksemburgo 27 jun. 1906 ; kun Germanujo 15 okt. 1906 ; kun Italujo 15 apr. 1904 kaj 9 jun. 1906. Per la leĝo de la 3ª dec. 1849 la Ministro de la internaj aferoj povas per polica decido ordoni al ĉiu fremdulo vojaĝanta aŭ restanta en Francujo tuj forlasi la landon kaj akompanigi lin ĝis la limo ; la saman rajton li havas eĉ kontraŭ tiuj, kiuj ricevis permeson loĝi en Francujo.

Povas fariĝi francaj ŝtatanoj : 1-e La personoj rajtantaj resti en Francujo, tri jarojn post ilia peto al la ministro de justeco. 2ᵉ La fremduloj, kiuj povas pruvi, ke ili loĝis seninterrompe dek jarojn en Francujo. 3ᵉ La personoj rajtantaj resti en Francujo, post unu jaro se ili militservis en la kolonioj aŭ protektoratoj de tiu lando. 4ᵉ Ankaŭ post unu jaro, la fremduloj, kiuj edziĝas kun francino kaj havis la rajton restadi.

La aŭtoritatoj decidas la akcepton aŭ malakcepton de la kandidato post enketo pri lia bonmoreco.

La alilandulo ĝuas en Francujo la samajn civilajn rajtojn, kiujn Franco havus en *lia* lando. La fremduloj, al kiuj oni permesis eklogi en Francujo, havas ĉiam civilajn rajtojn ; ili tamen estas perdataj post kvin jaroj, se la fremduloj ne petas la francan naciecon, aŭ se ili estas malakceptataj. La novaj ŝtatanoj, simile kiel la revenantoj el fremdlando, prezentiĝas la sekvantan jaron antaŭ la komisionon por militserva dungado. Ili estas enkorpusigataj samtempe kiam la dudekjaraj junuloj kaj partoprenas kun ili la rekrutan servon ; ili aktive servas la saman tempon, sed ne post ilia 27ª jaro. Tiam ili iĝas « rezervuloj » kun siaj samkorpusanoj. Je ilia kvindeka jaro ili definitive liberiĝas.

Souchay, Laborkonsulo (Parizo).

---

ĉiam sama : tro malmulte da spertaj kritikistoj por tro multe da gazetoj.

Kia estas la konkludo de tiu nekompleta studo ? Ni ĝin jam formulis en antaŭa artikolo : en la nuna stato de nia movado *plene* sufiĉus dudeko da gazetoj, naciaj, plurnaciaj kaj internaciaj (1), specialaj kaj ĝeneralaj. La statistisko eble suferus el tio, sed ne unuflankaj statistikoj faras la vivon, ne pli ol redaktoro sola vivigas gazeton... H. H.

(1) En *Norda Gazeto* ni legas, ke ekzistis 106 Esperantistaj jurnaloj en 1909 kaj 200 en 1910 (sic).

MONDLITERATURO

## Tra la Hispana literaturo

S-ino *Emilia de Pardon Bazan*, fama hispana verkistino, jus aldonis al la longa listo de siaj noveloj, tre ŝatataj de la publiko, novan verkon titolitan : « Dolĉa Mastro ». Ĝi estas psiĥologia studo kun mistika karaktero, proklamata de kritikistoj rava kaj profunda. Ĉar ĝi prezentas ĉefan intereson, ne pro la kunplekto de la okazintajoj, sed pro detaloj kaj psiĥologia analizo pri animo de virino, kiu kontentiĝas nur per iu ideala amo, ni ne havas motivon por pli ampleksa raporto.

S-ino E. P. Bazan estas rekomendinda al la atento de la Esperantistoj, ĉar kvankam ŝi sin proklamas tro entuziasme enamiĝinta de sia patra lingvo por lerni alian, ŝi aprobas Esperanton kaj deziras sukceson al niaj klopodoj.

.·. La jus okazinta morto de S-ro Joaquin Costa estas konsiderata kiel nacia funebro. Granda patrioto kaj tiel abunda kiel diversa verkisto, J. C. postlasas memoron de alta spirito kaj nobla koro. Lia potenca cerbo senlace laboris por la reviviĝo de la naciaj energioj. Kvankam duone paralizita, li kuraĝe batalis por la progreso ĝis lasta horo. La listo de lia verkaro estas longa : historion, juron, politikon, novelon, pamfletojn, gazetajn artikolojn, paroladojn, li ĉion pritraktis kun eksterordinara talento. Se lia famo ne estas internacia, kulpa estas nur lia modesteco, malamika de ĉia laŭdo kaj tamburada reklamo. Bonulo malaperis, sed lia laboro postvivos.

.·. Se oficiala dokumentaro rajtas esti tenata kiel literaturajo, kvankam ne beletristika, kaj se la graveco de verko estas juĝota laŭ kvanto da papero, inter la plej gravaj estas la parlamenta eldonajo de la « Procesoj Ferrer, » konsistonta el 10-12 dikaj volumoj. Ĉu iu ilin legos ? Kredeble ne, ĉar la faktoj estas konataj, kaj ĉiu konservos sian opinion pri ili. Feliĉe (?) la *aŭtoro* estas, mi ne diras riĉa, sed tute indiferenta pri la sukceso kaj pri la elspezoj.

.·. Inter la laste aperintaj verkoj, unu el la plej brufarantaj estas libro de S-ro Ramon Pérez Ayala, titolita A. M. D. G. (al plej granda glora de Dio) kie estas priskribita la eduko donata ĉe la kolegioj de la Jezuitoj. Kompreneble, la kristikistaro esprimas tre diverse sian opinion, ĉar la temo ne estas tre favora al senpartieco. Sed oni laŭdas unuvoĉe la stilan talenton de la aŭtoro, kaj liaj sampartianoj deklaras la verkon « nekontraŭstarebla katapulto ».

.·. S-ro Eduardo Markina, katalano, reprezentigas ĉe la « Teatro de la Princino », unu el la ĉefaj madridaj, sian verkon : « En Flandroj subiris la Suno ». Ĝi estas historia dramo, kie plej notinde estas multaj bonaj versoj, kiuj bele sonoras el buŝo de la fama aktorino Mario Guerrero de Mendoza. Tie ĉi do Melpomeno estas servantino de Eŭterpo, kaj la Poezio triumfas sur la tabuloj.

P. Linares.

.·. Ĉar jurnalo estas kvazaŭ literaturajo ni povas aldoni, ke S-rino Mario Abella Ramirez, jus fondis la duonmonatan gazeton « La Nueva Mujer » (La nova virino), organo de « Virina nacia Ligo » en la Respubliko Arĝentina. Nedube ke U. E. A., kun sia speciala fako por virinoj naskos intereson por tiu societo. Ni asertas ke ĝi trovos ĉe ni nur amikojn kaj helpon, kaj ni transsendas al la nova gazeto nian saluton kaj bonvenon.

A. Carles.

## Ĉefverko de la Norvega industrio

Ne malproksime de unu el la plej amataj turistvojoj tra la suda parto de Norvegujo nomata Telemarken, troviĝas la mallarĝa valo Vestfjorddalen. Tra la valo fluas rapide la rivero Maane, kiu proksime de la 1900 m. alta monto Gaŭstad enabismiĝas de altajo de 105 metroj. Dum la miljaroj muĝis tie la grandioza Rukana kaskado, kaj la potencaj vaporaj nuboj leviĝis ĉielen de la abismo. Oni povus opinii, ke tio ĉi estus daŭronta ĝis la fino de la tagoj. Sed nun alvenis nova tempon al la kaŝita volo. La granda industrio alvenis, kaj ĝia bruego superas la bruegon de la akvofalo. En la mezo de la valo kreskis urbo, kaj grandaj konstruajoj baras duonon de la valo. Kaj kiam la fremdaj grandindustriaj interesuloj alvenas tien, ili ekvidas en nia malriĉa lando industrikonstruon ne troveblan en iu ajn loko en la mondo. Ĉar tio estas fakto : tiaj laboroj, kiujn la Rukanaj kompanioj faris en Vestfjorddalen, estas unikaj en la industria mondhistorio kaj bela ornamo por la norvega inĝenierarto.

Supre sur la montvastajoj kuŝas vico da lagetoj kies defluajo kolektiĝas en la 35 kilometroj longa kaj 900 metroj super la marnivelo kuŝanta lago Mjasvand. Tie vagadis en antikvaj tagoj la urso kaj maltrankviligis la brutarojn, kiuj tie supre sin paŝtis somere. Nun la dinamito kaj civilizacio forpelis ĝin multmejle en la solecon.

Estas grandioza laboro kiu tie estas farita. Kiel kolosa bastiono la digego superstaras la valon kun ĝiaj kuprokovritaj gardoturoj. 8.000 kubmetroj da bitumo estas uzita por tiu laboro, kiu kostis tiel multe da maltrankviliĝoj, seniluziiĝoj kaj fine tiel bonege sukcesis. Grandega akvomaso estas amasigita tie. La murego baras 860.000.000 kubmetrojn da akvo. Se oni povus, oni el la akvomaso povus meti akvorubandon 20 m. larĝan kaj 1 m. dikan ĉirkaŭ la terglobo.

La murego estas 22 m. alta, 4-6 m. larĝa kaj 150 m. longa. Iom pli longe malsupre kuŝas alia digego de preskaŭ sama dimensio. De tie la akvo direktiĝas tra granda tunelo, unu el la plej grandaj mirindajoj de tiu konstruajo. Fera pordego 40 kvadratmetra baras la eniron de la tunelo. Daŭris 3 jarojn konstrui la tunelon, kiu havas saman longecon kiel la konata tunelo Gravehalsen sur la fervojo inter Kristiania kaj Bergen t. e. ĉirkaŭ 5 kilometroj. Ĝia larĝeco tamen estas pli granda ol iu ajn fervojtunelo.

Supre sur la monto troviĝas baseno, kiu povas enhavi 14.000 m³ da akvo. Tie ĉi finiĝas la tunelo kaj de tie gvidas 10 tuboj malsupren al la povdonanta stacidomo. Ĉiu tubo havas diametron de 1.70 ĝis 1.20 m. La falo havas altecon de ĉirkaŭ 300 m., kaj la premo de la akvo egalas 30 atmosferojn. Ĉiu tubo alportas 4.7 m³ da akvo posekunde al la turbinoj. La povstacidomo estas konstruajo 110 m. longa, 23 m. larĝa kaj 30 m. alta. Tie estas la dek turbinoj instalitaj, kiuj ĉiuj produktas 14.500 ĉevalfortojn. La turbinoj turnas dek generatorojn, kiuj estas la plej fortaj en la mondo. Ĝi donas trifazan elektran fluon je 10.000 volt tensio. La akso havas dikecon de 70 cm. kaj la maŝinegoj havas diametron de 6 metroj. La tuta projekto, kiam ĝi estos preta, donos 240.000 ĉevalfortojn, kaj ĝia kosto estos ĉirkaŭe 28.000.000 Sm.

Estas bela spektaklo vidi tiujn potencajn maŝinarojn, kiuj per siaj dimensioj kaj forto superas ĉion ĝis nun konstruitan el fero kaj ŝtalo. Kiam oni pripensas kiaj grandegaj fortoj ĉi tie estas kolektitaj, oni sentas kiamaniere la industria vivo progresegis. Ni staras apud iu kampo, kie ni vidas iom el la fruktoj de la plej geniaj eltrovoj aperintaj en nia epoko. Kaj profunde malantaŭ la realajoj en akvofalo, fero kaj ŝtalo ni videtas mondon, kie la fantazio konstruas al si templon, kiu aspiras pli alten ol in ajn antaŭsentis.

R. Buseke (Namsos).





## Iom pri la brazila klimato

En eksterlando oni renkontas ofte malsamajn opiniojn pri la klimato de Brazilujo, iuj ĝin laŭdas, aliaj nomas ĝin danĝera. Ambaŭ opinioj estas neĝustaj, car oni ne povas paroli pri unuspeca klimato koncerne landon, vastiĝanta en formo de izocela triangulo 5,310 km. de nordo suden, 5,450 km. de oriento okcidenten kaj enhavanta 4/5 de spaco de Europo.

Atmosferaj statoj, suninfluo, plie altajoj kaj eco de la suprajo neniel egalas ĉe 8,307,128 km.², kaj ĉiam formas klimate diversajn regionojn, tial oni renkontas ankaŭ en Brazilujo ne malpli ol 30 malsamajn klimatojn, eĉ inter ili ankoraŭ lokaj kontrastoj. Ĉion-ĉi detale priskribi postulus grandan verkon, sed volante nur kunhelpi al ĝeneraligo de ĝusta ideo pri brazila klimato, mi opinias jenan priskribeton sufiĉa.

Escepte kvar ŝtatoj en la modera, Brazilujo troviĝas en la varmega zono, kiu norde estas varmega kaj malseka, kontraŭe sude pli freŝa kaj pli seka, kio permesas dividi la landon pri ĝia klimato je tri ĉefaj regionoj, t. e. la tropika, subtropika kaj modera.

La tropika regiono enspacas la bordŝtatojn Amazonaso, Paranao, Maranjono, Piaŭhio, Searo, Rivero Granda de la Nordo, Parahibo, la nordon de Mato Groso, Gojazo kaj la teritorion de Akro. La aero estas malsekega, meza jartemperaturo 25 ĝis 29° C. sen esenca malvarmiĝo dum la nokto, nur en la suda internlando kaŭzas ofte rapida alterno de varma nordvento kaj malvarma sudvento subitan kaj fortan ŝanĝon de temperaturo. La monatoj de Aprilo Novembro estas pluvoriĉaj, iomete pli freŝaj ol la ceteraj, sed en regiona larĝeco da 5.000 km. ne povas pluvi sammezure kaj samtempe, tiamaniere la pluvo mankas neniam en la valo de Amazona riverego, sed en la bordŝtatoj forrestas iafoje dum Decembro-Marto. La pli multe el la malaltajoj estas malsanigaj, precipe kie fluas riveroj, enhavantaj nigran akvon, kion oni ne povas diri pri la altlando.

La subtropika regiono konsistas el la bordŝtatoj Pernambuko, Alagoaso, Serĝipo, Bahio, Spirito Sankta kaj Rivero Januaro, el la Distrikto Federala, la plej granda parto de Sankta Paŭlo, la internŝtato Minoj Ĝeneralaj, kiel ankaŭ el la mezaj kaj sudaj partoj de la internŝtatoj Gojazo kaj Mato Groso. Meza jartemperaturo estas 20 ĝis 25° C., sur la marbordo moderigata de ĉiutaga marventeto. Kvankam ĉi tiu regiono ne havas la vastecon de la tropika, ĝi prezentas multe pli da klimataj diferencoj, ĉar escepte de la bordo de Pernambuko ĝis tiu de la meza Spirito Sankta kaj de la sudokcidento de Mato Groso, la regiono estas altlando, kie staras du el la tri montsistemoj de Brazilojo. La klimato estas kontentiga, nur ne en kelke da distriktoj sur la marbordo, de Mato Groso kaj apud la Parana-Rivero. Rivero de Januaro, kie iam la flava febro estis endemia, estas sanigita per profilaksiaj rimedoj kaj prezentas nun unu el la plej sanaj ĉefurboj. Plejmulte pluvas de Decembro-Majo, sed en Pernambuko kal Alagoaso nur de Junio-Aŭgusto, kie en la malantaŭlando iafoje okazas grandaj sekoj. En la malproksima okcidento en Kujabao, ĉefurbo de Mato Groso, ne pluvas eĉ dum Julio kaj Aŭgusto.

La modera regiono estas la plej malgranda, enhavanta malgraŭ tio pli-malpli ol 600,000 km.², al ĝi apartenas ĉiuj sudŝtatoj, nome Paranao, Sankta Katarino kaj Rivero Granda de la Sudo, plie la sudoriento de Sankta Paŭlo. Havante mezan jartemperaturon da 16 ĝis 20° C., ĝi prezentas varman parton de la modera zono.

La pluvo estas preskaŭ sammezure disdonata dum la tuta jaro, nur dum Aprilo-Oktobro estas iom pli riĉa. Sur la altlando okazas iafoje en Junio-Aŭgusto, ke nokte marĉetoj

glaciiĝas, tamen la maldika krusto malaperas jam je la mateno sub influo de la varma suno.

Sekve Brazilujo ne havas sezonojn de granda diferenco en la temperaturo, nur en la sudo oni renkontas varman kaj malvarman sezonon, sed neniam kaj nenie okazas regula halto de la organa vivo, ĉu ce vegetajoj, ĉu ĉe bestoj, sed nur malmultiĝo, apenaŭ rimarkebla, de la vivagemo dum la plej freŝaj monatoj.

Certe estas, ke Brazilujo, ekskluzive la distriktoj en la nordo kaj centro, posedas kontentigan, eĉ en multe da lokoj bonegan kaj sanigan klimaton.

Memkompreneble, ankaŭ en sanigaj tropiklandoj ĉiu novulo devas kutimi je aliaj varmproporcioj, sed vivante regule kaj sobre, sanulo tion ĉiam povas. Li ne suferos ian perdon, nek pri sia povo, nek pri la vivdaŭro, kion miloj da personoj pruvas, kiuj de longe ne nur vivas, sed ankaŭ laboras en Nord-kaj Centrobrazilujo. Sudbrazilujo, precipe Rivero Granda de la Sudo, ne postulas eĉ alklimatiĝadon, ĉar ĉi tie ia fremdulo adaptiĝas senpere al la belega klimato, en kiu la loĝantaro, kies plimulto devenas de eŭropaj enmigrantoj, prosperas kaj pri bonfarto tute ne malsuperas la loĝantojn de l'Eŭropo.

F. E. Thierack (Saô Leopoldo).

## La Panama Kanalo

Ĉe tiu longa, mallarĝa terligilo kiu kunligas la du kontinentojn Nord kaj Sudameriko kaj apartigas la du oceanojn Atlantiko kaj Pacifiko, estas fariĝanta hodiaŭ laborego de gigantoj, sed ne gigantoj estas realigantaj ĝin. Viroj tie estas ellaborantaj kolosan projekton kompare kun kiu la konstruado de la piramidoj de antikva Egiptujo ŝajnas bagatelajo, la formigado de Monto Atoso en figurajon de homo, malgrandajo, kaj la pli moderna ellaborajo, la kanalo ĉe Suezo, tagtasketo. Ĉi tiu laborego estas la fosado de la kanalo de Panamo.

La historio de la panama kanalo estas historio plena de romantikeco kaj intereso. La hodiaŭa laboro de Usono sur la tiea istmo estas la plej alta punkto de kvarcent jaroj da esplorado, scienca serĉado kaj politika disputado. Antaŭ ol studadi la nuntempan staton de la laboro ni mallonge ekrigardu la historion de la deziroj de homoj kaj la provojn de ili faritajn por fosigi kanalon kiu kunigos la du oceanojn.

La unuaj hispanaj esploristoj kiuj venis al Panamo vidis kaj tute komprenis la dezirindecon de kanalo ĉe tiu loko. Malpli ol kvardek jarojn post la lasta vojaĝo de Kolombo, planoj estis preparataj por la imperiestro Karlo V, kiuj rilatis la fosadon de kanalo ĉe Panamo, per kiu la ŝipoj de Hispanujo povos ĝui facilajn kaj malpli danĝerajn vojaĝojn dum ili serĉos la riĉajojn de Hindujo. Sed Karlo mortis antaŭ ol oni komencis la plenumadon de la planoj, kaj Filipo II ne nur forlasis la kanalproponon sed efektive malpermesis ĝin, dirante ke estus malpie kunigi du oceanojn kiujn la Kreinto de la mondo estis apartiginta.

Dum la sekvanta centjaro estis multe da studado pri la konstruado de kanalo ĉe la panama istmo sed nenio speciala okazis ĝis la jaro 1694, kiam fondiĝis en Skotlando kompanio por komercado en Afriko kaj Hindujo, kaj por mallongigi la vojaĝon al la lastcitita lando la kompanio decidis fosigi kanalon ie en Centra Ameriko. Sed ĉi tiu entrepreno malsukcesis, kaj dum alia centjaro dormis ĉiuj kanalproponoj. Tiam venis Humboldt, la germana sciencisto, kiu elmontris ses diversajn fareblajn vojliniojn por kanalo kiu kunligos la du marojn. Sed oni ne akceptis liajn planojn, kaj mulmulte fariĝis pri la afero inter tiu tempo kaj la jaro 1881 kiam De Lesseps de Francujo komencis aktualajn laborojn por fosi la interoceanan kanalon.

Pro malbonega administrado, pro malhonestaj oficistoj, kaj pro manko de ĝusta antaŭzorgo kontraŭ la malsanigaj kondiĉoj sin trovantaj ĉe Panamo, la kompanio de De Lesseps ruine bankrotis en la jaro 1888. En 1893 nova franca kompanio fondiĝis kiu aĉetis la rajtojn de la De Lesseps-a kompanio. Post kelke da tempo Usono deziris aĉeti la rajtojn kaj titolajojn de ĉi tiu nova kompanio, sed ĝi rifuzis vendi ilin. Tiam Usono elektis vojon por interoceana kanalo tra Nikaragvo, kaj tuj la franca kompanio konsentis al la antaŭaj proponoj de la usona registaro, kaj por 80,000,000 Sm. vendis al Usono la rajtojn kaj titolajn dokumentojn posedatajn de ĝi.

Tamen ne ankoraŭ finiĝis la malfacilajoj kontraŭstarantaj Usonon. La respubliko Kolombio, de kiu la ŝtato Panamo estis parto, rifuzis sankcii la vendokontrakton de la Nova Panama Kompanio faritan. Verŝajne la tiama subaĉetebla registaro de tiu lando kredis ke jen staras ŝanco gajni por siaj propraj trezorejoj, kaj publikaj kaj privataj, la 80,000,000 Sm. La ŝtato Panamo tute ne aprobis la sintenon de la patrujo ; ĝi deziris ke la kanalo estu fosata kaj ĝi ankaŭ deziris ke Usono fosigu ĝin. Por plibonigi sian socialan, ekonomian kaj politikan staton Panamo bezonis la kanalon kaj prefere ol prokrastigi la fosadon malpreciztempe, ĝi apartigis sin de la patrujo, establigis sian sendependecon kaj faris interkonsenton kun Usono, laŭ kiu Usono ricevis terpecon larĝe ses mejlojn, longe de marbodo ĝis marbordo. Ĉi tiu afero okazis en la jaro 1904. Tuj la tiama Prezidanto de Usono, Roosevelt, elektis kanalkomisiitaron da sep membroj kiuj dum la sekvantaj du jaroj okupis sin je konstruopretigado kaj je la gravega demando ĉu la kanalo estos kluzspeca ĉu marnivelspeca. Post dujara diskutado kaj ekzamenado en kiu la plej spertaj kaj eminentaj inĝenieroj de Eŭropo kaj Ameriko partoprenis, la usona Kongreso decidis en 1906 ke la kanalo estos je tiu speco en kiu uziĝas kluzoj. Kvankam tuj post la interkonsento kun la nova respubliko Panamo aktiva laboro komenciĝis ĉe la istmo, post la decido pri la tipo de la kanalo la laboro pli rapidiĝis.

*(Daŭrigota).* H. Hall (Cleveland).

IDEOJ & FAKTOJ

## Aŭtomobilismo kaj Mond-Paco

En redaktora artikolo *Royal Automobile Club Journal* de la 6 januaro 1911, organo de la aŭtomobilismo en Anglujo, esprimas jenajn rimarkindajn opiniojn

« *La plej bona agento de la Paco.* — Fariĝas pli kaj pli evidenta kiom granda efiko havos sur la estonteco de la mondo, la pliboniĝo de veturrimedoj en nia tempo. Se unuflanke ĝi igos la militon pli terura, rapida, kaj detrua, aliflanke ĝi nepre kunligos la naciojn en pacaj ligiloj, grandaparte ĉar ĝi konstante akcelas pli intiman konon de la fremdulaj vivkondiĉoj. Nur pripensu kiel multaj personoj fariĝis amikoj al Francujo el la fremdaj vizitantoj en la lasta jardeko, ĉefe pro tio ke tiu bela lando havas bonegajn ŝoseojn kaj komfortajn loĝejojn por aŭtomobilistoj. Tiuj kaŭzoj instigis al multaj miloj da personoj veturi tien, kun la rezultato ke ili akiris amon al Francujo kaj konon de ĝia popolo, komprenon kaj toleremon kontraŭ la en sia opinio neperfektaj flankoj de la franca vivo kaj francaj institucioj, — ĉar ili havas nun pli intiman komprenon de la cirkonstancoj.

Pli facila, pli malkara, pli oportuna veturado nepre alkondukos pli plenan interkonatiĝon, kaj tial favoros la pacon kaj internaciigon de la civilizita mondo. »

Trad. G.-L. Brown (Del London N.)

.˙. Oni rimarkos ke oni parolis nur pri Francujo, kredeble ĉar la verkinto (kiel multe da angloj kiuj povas *kom-*

*prenigi* sin per la franca), timis eliri el la teritorio de franca lingvo. Ni Esperantistoj povas konigi al li « veturrimedon » kiu plivastigos lian agadokampon. Efektive la aŭtomobilistoj pacapostoloj ricevos ŝatindan pligrandigon de sia potenco, provizante sin per kelkaj diverslingvaj ŝlosiloj « ĉefeĉ », kaj alproprigante la enhavon en sia veturo. — G. L. B.

## Optika iluzio. — La opinioj de Norman Angell pri milito

(*Sekvo*)

Tiaj estas la fundamentaj tezoj, pritraktataj de l'aŭtoro. Ni konatiĝu pli detale kun kelkaj el ili. « Ĉiuj vidas, — diras la aŭtoro, — ke la konkurado inter Germanujo kaj Anglujo en la sinarmado ne povas plu daŭri dum longa tempo. » Oni proponas al ni du elirojn el tiu ĉi embaraso. La unua solvo — komuna senarmiĝo — estas proponata de malgranda aro da homoj, portantaj la nomojn doktrinuloj kaj utopiistoj. Kaj la plejmulto proponas alian solvon — la neeviteblan kolizion inter Anglujo kaj Germanujo.

« La dua solvo, t. e. la milito, estas konsiderata de ĉiuj kiel unu el leĝoj de la vivo, kiel unu el tiuj necesaj faktoroj, kiujn nepre devas atenti homo de meza kuraĝo. La defendantoj de milito penas apliki ĉiujn argumentojn, kiuj estas deduktitaj de la evoluado de la vivo dum XIX jarcento. Ili memorigas al ni pri konserviĝo de la uloj plej bone adaptiĝintaj ; pri tio, ke la pli malfortaj estas kondamnitaj al pereo ; ke la vivo de ĉiuj organismoj estas eterna batalado. La oferoj, kunligitaj kun la senĉesa sinarmado, estas nur pago por sia sendanĝereco kaj politika potenco, — asertas la adeptoj de milito. La industria prosperado de Anglujo estas forte kunligita kun ĝia politika potenco. Ili pruvas al ni, ke la industrio de Britujo troviĝas en bonega stato, kaj ke ĝiaj komercistoj fariĝis riĉaj ekskluzive pro tio, ke tion permesis ĝia politika kaj milita potenco. La tutmonda komerco troviĝas en iliaj manoj sole pro tio, ke la nevenkebla ŝiparo de Anglujo regas la marojn kaj oceanojn. La rapidega disvolviĝo de l'industrio en Germanujo estas ankaŭ klarigata per ĝiaj militaj sukcesoj kaj senĉesa pligrandiĝo de ĝia politika influo en la tuta Eŭropo. Ĉiuj cititaj klarigoj estas konsiderataj en Germanujo kaj Anglujo kiel memkompreneblaj aksiomoj, — diras Norman Angell. Eĉ la pacifistoj mem opinias, ke la armiloj estas necesaj por sindefendo. Tiel, ekzemple, F. Harrison, kiu dum sia tuta vivo propagandis la pacon, proklamis, ke en okazo, se Germanujo havos pli fortan ŝiparon ol Anglujo, — Britujon trafos tia sama sorto, kiel tiu de Hispanujo, t. e. ĝi perdos ĉiujn siajn koloniojn. En Germanujo P-ro Schultze-Nevernitz pruvas, ke forta ŝiparo estas necesa por nerompi la pacon. Ĉe tiaj cirkonstancoj, diras Norman Angell, ĉiuj argumentoj, elmetataj de l'adeptoj de paco, tute perdas la efikon pro tiu simpla kaŭzo, ke la pacifistoj mem akceptas la premison de l'defendantoj de milito, nome : ke la venkinto ricevas grandan materian profiton. Tiu ĉi premiso ŝajnas al ili tiom evidenta per si mem, ke ili eĉ tute ne faras iajn ajn penojn por ĝin refuti. La pacifistoj opinias, ke la milito estas sekvo de l'natura leĝo de l'batalado por superrego, kaj kiel kontraŭrimedon ili starigas la moralan leĝon. La adeptoj de la paco predikas altruismon en la internaciaj interrilatoj kaj pruvas, ke la pliriĉiĝo de l'venkintoj je la kostoj de aliaj tute kontraŭdiras la veran spiriton de kristana religio. De alia flanko, homoj harditaj, konfesante la tutan kruelecon de milito, tamen akceptas ĝin kiel neeviteblan malbonon, kiu estas necesa por atingi certan celon. Ili akceptas la riskon de milito same kiel maristo aŭ fiŝkaptisto akceptas la riskon de drono, kiel karboministo — la riskon de sufokiĝo, kaj la kuracisto — la riskon de infektiĝo. Homo hardita scias, ke risko kaj danĝero ĉiam devas esti konsiderataj kiel eblaj, kiam estas atingota iu certa celo. « Jen kial, — diras Norman Angell, — la propagando de paco havis tian malgrandan sukceson, kaj jen kial ĉie en Eŭropo la parlamentoj asignas al la registaroj ĉiam novajn rimedojn por la sinarmado. La parlamentoj ankaŭ opinias, kiel pruvita, la tezon, ke la nacia potenco estas la samo kiel la nacia riĉeco kaj naciaj profitoj, ke la almilitado de novaj teritorioj ebligas la disvastigon de industrio, kaj ke nacio potenca povas garantii al siaj anoj tiajn rajtojn, kiujn tute ne povas doni malforta nacio, k. t. p.,. La mezintelekta anglo kredas, ke en la vivo, same kiel en popolamaso, ŝoviĝi antaŭen oni povas nur per helpo de pugnoj. Li aŭdis, ke en la naturo ekzistas leĝo, laŭ kiu ĉiu stomako transformiĝas en siaspecan tombejon. Kaj ĉi tiu mezintelektulo preferas mem tagmanĝi ol servi kiel manĝaĵo por alia persono.

Tamen, ĉu efektive estas ĝustaj ĉiuj ĉi premisoj, starigataj de la adeptoj de milito kaj silente konfesataj de pacifistoj ? Ĉu efektive estas vere, ke la riĉeco kaj prospereco de nacioj plene dependas de ilia politika potenco ? Ĉu efektive estas vere, ke inter ili troviĝas iu fatala kunligo ?

Ĉu estas vere, ke iu nacio povas ricevi senteblajn solidajn profitojn nur post kiam ĝi venkos iun alian nacion ?

Ĉu la venko de iu nacio liveras al ĝiaj apartaj individuoj tiajn preferojn, kiujn ne havas la individuoj de l'nacio venkita ?

Ĉu povas iu nacio perforte fortiri la materiajn riĉaĵojn de l'venkitoj ?

Ĉu iu nacio povas *reale* posedi la teritorion de l'alia nacio, t. e. tiamaniere posedi ĝin, ke ĝi donu profitojn al ĉiuj apartaj individuoj ? Se, ekzemple, Anglujo, morgaŭ tute detruos Germanujon kaj ĝisbaze neniigos ĝian majestecon, — ĉu tiam la apartaj personoj, kiel John James Dick, Bil aŭ Tom sentos sin *pli* bone ? Se, kontraŭe Germanujo almilitos Anglujon, — ĉu tiam pli riĉiĝos ĉiu aparta Johann, Peter, Michel aŭ Karl ?... Ĉi tiujn demandojn oni devas respondi nee ». La premisoj, akceptataj kiel de adeptoj de milito, tiel ankaŭ de pacifistoj, devigas la homaron tute senrezultate malŝpari energion ĝis tia grado, ke eĉ nun tiu ĉi cirkonstanco minacas al la homaro.

(*Daŭrigota*). Trad. R. Mencel (Moskvo).

### Notoj.

La unua *Internacia Kongreso, kontraŭ la duelo*, okazinta dum 1908-a en Budapesto, malfermis konkurson kun premio da 1.000 kronoj por la plej bona verko pri la temo : « Kiuj estas la ideoj, kiujn oni devas inspiri al la junularo, por ĝin eduki de la kontraŭduela vidpunkto ». La premio nun estis dividata inter S-ro Josefo Weigt, bavara pastro, kaj S-ro Tomas Eseriche y Meeg, sekretario de la katalana kontraŭduela komitato, kaj profesoro ĉe la Barcelona gimnazio. Tre kredinde estas, ke niaj gratuloj sin turnas al esperantistaj samideanoj, estantaj aŭ estontaj.

P. Linarès, Del. Cordoba.

* * *

*La 17 Aprilo*, en *Stafford-on-Avon*, Anglujo, okazos grava festo je la honoro de Shakespeare, kiun ĉeestos ambasadoroj kaj delegitoj el la tuta mondo por festi la datrevenon de lia naskiĝtago. La esp. ĉeestu multnombraj. Por ĉiuj informoj sin turni al la Del. de Coventry kaj Birmingham.— J. W. H. kaj W. S.

*Julio*. — Internacia kongreso de rasoj. (Kun komunikaĵo de D-ro Zamenhof).

*3-6 Aŭgusto*. — 5ª Internacia Stenografia Kongreso (sistemo Gabelsberger), en Kopenhag.

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

« Prave », diris Ĥanjo « mi almenaŭ kredas, ke multo dependas de ni. Mi scias ĝin je mi. Kiam io incitetas min kaj volas ĉagrenigi min, mi ekstaras kaj kantas kelke da kontradancoj tien kaj reen en la ĝardeno, tuj ĝi forestas ». — « Ĝuste tion mi volis diri, » mi repondis ; « inter malbona humoro kaj inerteco estas rilato, ĉar ĝi estas speco de inerteco. Nia naturo havas grandan emon al ĝi, kaj tamen, se nur ni havas la forton kuraĝiĝi, la laboro vigle progresas, kaj ni trovas veran plezuron en la aktiveco. » — Frederikino estis tre atenta, kaj la juna homo protestis, ke oni ne potencas sin mem kaj plej malmulte povas regi siajn sentojn. — « La demando estas pri malagrabla sento, » mi rediris, « kiun ĉiu certe deziras forigi ; kaj neniu scias, kiom liaj fortoj povas atingi, antaŭ ol li provis ilin. Sendube, kiu estas malsana, konsultos ĉiujn kuracistojn kaj ne rifuzos la plej grandajn rezignojn, la plej maldolĉajn medikamentojn por resaniĝi. » Mi rimarkis, ke la honesta maljunulo streĉis sian aŭdon por partopreni nian diskuton ; mi parolis pli klare, turnante min al li. « Oni predikas kontraŭ tiom da malvirtoj, » mi diris ; « mi neniam aŭdis, ke oni laboras de la predika seĝo kontraŭ la malbona humoro. » — « Tion la urbaj pastroj devas fari, » li diris, « la kampuloj ne havas malbonan humoron, tamen kelkafoje ne estus malkonvene, estus leciono por lia edzino kaj por S-ro prefekto. » — La gerondanoj ridis kaj same li kore, ĝis kiam tuso atakis lin, kiu kelkan tempon interrompis nian diskuton ; poste la juna homo ekparolis : « Vi nomis la malbonan humoron malvirto ; ĝi ŝajnas al mi trograndigita. » — « Neniel, » mi respondis, « se tio, per kio oni malutilas sin mem kaj sian proksimulon, meritas tiun nomon. Ĉu ne sufiĉas, ke ni ne povas fari nin feliĉaj, ĉu ni ankaŭ devas rabi unu al alia la plezuron, kiun ĉiu koro kelkan fojon ankoraŭ povas doni al si mem ? Kaj nomu al mi homon, kiu estas malbonhumora kaj samtempe tiel brava, ke li kaŝas ĝin, portas ĝin sola ne detenante la ĝojojn ĉirkaŭ si ! Aŭ pli bone, ĉu ĝi ne estas interna malkontenteco pri nia propra malindeco, malplaĉo pri ni mem, al kiu ĉiam estas alligita ia envio, kiu estas instigata de malsaĝa malmodesteco ? Ni vidas feliĉajn homojn, kiujn ni ne feliĉigas, kaj jen tio estas nesuferebla ».

— Ĥanjo alridis min, vidante la emocion, kun kiu mi parolis, kaj larmo en la okulo de Frederikino inspiris min daŭrigi. — « Ve al tiuj », mi diris « kiuj uzas la aŭtoritaton, kiun ili havas je koro, por rabi al ĝi la simplajn ĝojojn, kiuj ĝermas el ĝi mem. Ĉiuj donacoj, ĉiuj komplezajoj de la mondo ne anstataŭas momenton da plezuro pri si mem, kiun forprenis de ni la envia malkontenteco de nia tirano. »

Mia tuta koro estis plena en tiu ĉi momento ; la memoro pri multegaj estintajoj alpremis mian animon, kaj la larmoj envenis en miajn okulojn.

« Kiu ĉiutage nur dirus ĝin al si » mi ekkriis, « tiu nenion povas fari al siaj amikoj krom lasi al ili la ĝojojn kaj pliigi la feliĉon, ĝuante ĝin kune kun ili. Kiam ilia interna animo turmentiĝas per timiga pasio, emociiĝas per ĉagreno, ĉu vi povas doni al ili guton da kvietigo ?

Kaj kiam la lasta, plej teruriga malsaneco poste sin jetas sur la kreitajon, kiun vi subfosis en feliĉoplenaj tagoj, kaj ĝi nun kuŝas en plej kompatinda laciĝo, la okulo rigardas sensente ĉielon, la mortŝvito ŝanĝas sur la pala frunto, kaj vi staras antaŭ la lito kiel kondamnito koregе sentante, ke vi nenion povas spite tuta via povo, kaj la angoro vin tuŝas, tiel ke vi dezirus doni ĉion por inspiri ereton da kuraĝo al la pereonta kreitajo.

Dirante tion, la rememoro pri tia sceno, kiun mi ĉeestis, falis sur min plenpotence. Mi ekploretis kaj foriris de la societo, kaj sole la voĉo de Ĥanjo, kiu vokis : Ni volas foriri ! » redonis al mi la konscion. Kaj kiamaniere ŝi mallaŭdis min survoje, pri la trokora kunsento je ĉio, kaj ke mi pereus pro tio! ke mi devus min konservi ! — Ho ! la anĝelo. Pro vi mi devas vivi !

La 6-an de julio.

Ĉiam ŝi estas ĉe sia mortonta amikino kaj estas ĉiam la sama, ĉiam la ĉarma kreajo, kiu, kien ajn ŝi rigardas, kvietigas la dolorojn kaj faras la homojn feliĉaj. Hieraŭ vespere ŝi promenis kun Manjo kaj la malgranda Amanjo ; mi scias ĝin kaj renkontis ŝin kaj ni iris kune. Post vojo de unu kaj duona horo ni revenis al la urbo, al la puto, kiu estas tiel kara al mi kaj nun milfoje pli kara. Ĥanjo eksidis sur la mureto, ni staris antaŭ ŝi.

(*Daŭrigota.*)

# TRA
LA
# ESPERANTA LITERATURO

**Per espero al despero**, dek poemoj de D-ro Stanislav Schulhof, ĉe l'aŭtoro, en Pardubice (Bohemujo). Prezo : 0.25 Sm.

Inter Esperantistoj estas ĝis tiam nur tre malmultaj veraj poetoj kiuj povus originale verki. Mallonga vico da ili estas lastatempe pliriĉigita per plej nova, kvankam ne per plej juna poeto esperantista. Ĝi estas *D-ro Stanislav Schulhof* el *Pardubice, Bohemujo*. En novjaro 1911 aperis en *Chrudim* urbo en Bohemujo, la unua kolekto de liaj poemoj kun beleta eksterajo : « **Espero kaj despero** ». Se ĝi estos afable akceptita de mondo esperantista, sekvos certe baldaŭ alia, pli riĉa ol la unua.

Jam la malmultaj poemoj en la citita kolekto (dek) montras, ke Schulhof estas esperdona akiro por la Esperantujo.

Estas tre interese sciiĝi, kiel D-ro St. Schulhof nur ne longe antaŭ la eliro de la nomita kolekto da poemoj fariĝis esperantista poeto. Ĝi estas samtempe pruvo de la grandega interna forto de Esperantismo, kiu garantias la vivon de nia afero kaj eĉ ĝian gloran estontecon.

En somero 1910 enmanigis al li hazarde lia konatulo *D-ro Fonsek*, fervora Esperantisto en Pardubice, boheman lernolibron : **Esperanto facile kaj fundamente en 20 horoj**. Schulhof ĝis tiam nur malmulte aŭdis pri Esperanto kaj aŭdante pri ĝi li ridetis kiel la aliaj. Mallonge, li tute ne interesiĝis pri ĝi, kiel ĉiuj aliaj samspeculoj.

Unufoje tralegante okaze malgrandajn artikoletojn en la supre citita lernolibro, li multege ridis. Ĉar li konas kelkajn mondlingvojn, li tuj komprenis ĉion. La belsoneco de la lingvo, precipe de malmultaj poemoj (inter aliaj ankaŭ de S-ino Hankel), la facileco, la pensoj pri kunfratiĝo de tuta homaro k. t. p. entuziasmigis lin tiel, ke li fariĝis tuj fervora Esperantisto. Samtempe vekis tiu verketo en li dormantan poezian liron...

Schulhof jam antaŭ pli ol dudek jaroj forĝis bonegajn versojn bohemlingvajn. Bedaŭrinde, la zorgoj pri ekzistado de familio (li estas faka dentokuracisto) devigis lin senseligi Pegason. Li vivis tute sen idealoj. Li pentras tiun ĉi sian spiritan staton en poemo **Reviviĝo** per tiuj ĉi trafaj versoj :

Mi jam estis sen la idealoj,
Ne ekzistis por mi jam la floro,
Eksekiĝis amo en la koro,
Min ne tuŝis kant' de najtingaloj.

Mi nur vidis rapidantan sorton,
Nokton sen eliro kaj sen fino,
La fantomon, kun la kurba spino...
Insideme proksimantan morton.

Mi ne ploris, mi ne ĝojis plue,
Mi nur kantis unu melodion,
Ke la sorto tiun komedion
Kun mi finu, kiel eble frue...

Kiel oni vidas, li vivis kiel milionoj da homoj, sensente por altaj interesoj, zorgante nur pri la ĉiutaga ekzistado...

Sed subite — ho kia ŝanĝo de post li konatiĝis kun Esperanto ! Li « **vekiĝis el la dormo kiel tute elŝanĝita** » kaj la mondo aperis antaŭ li en tute alia formo :

Granda suno brilis sur lazuro
Kaj vastiĝis ĉie lum' kaj varmo
Kaj en branĉoj kant' de l'birda svarmo
Sonis kiel ia uverturo.

Tuj mi sentis, kiel stranga flamo
Disverŝiĝas en la pala vango
Kaj en mia koro densa sango
Brulis kiel iam dum la amo.

Odorplena spiris la aero
Kaj el ĉiu plej kaŝita niĉo
Ekridetis al mi la feliĉo,
Nova vivo, plena je espero.

Tiun ĉi strangan ŝanĝon, kiu faris al li paradizon el la vivo ĝis tiam malĝoje pasanta, li dankas sole **al la verda stelo**,

Kiu en la nokto sen espero
El putranta, ŝima atmosfero
Ekaperis hele sur ĉielo.

Li fariĝas fervora Esperantisto. Li dormetantan klubon esperantistan en Pardubice li fajre alvokas inter alie :

Nur antaŭen, nur antaŭen
Niaj bravaj pioniroj,
Ankaŭ se en batalado
Multa nia kamarado
Nin forlasos sen sopiroj.

For prokrasto efemera !
Nur perfida renegato,
Reformema apostato,
Ĉiam ĝemas senespera.

Simile li kantas en aliaj poemoj : **Verda stelo**. **En la mondon venis nova sento**, k. t. p. Sed venas fine ankaŭ seniluzio : baldaŭ li sentas, ke lia koro estas disŝirita batante por familio, por malgranda popolo, al kiu li apartenas kaj fine por tuta mondo !

Tiun ĉi senton esprimas poemo : **Ho ve, koro disŝirita** kie li interalie kantas :

Ho ve, koro disŝirita !
Duon' batas por fragmento,
Propra lingvo, propra domo,
Sed duon' por ĉiu gento,
De Tokio, ĝis al Romo.
Kia doloro
Mia koro !

Tiu sento malĝoja gradiĝas en poemo **Desperanto**, kie li kantas pri *Espero kiel eliksiro sen la forto, kiel sabla bariero disfalanta en aero*, pri beleta sonĝo de estonta *homa harmonio, unu amo, unu familio sukerajo por la infaneco* kaj li finas :

Ni atendas vane tempon belan,
Kiam regos sole via nomo.
En eterna monda karuselo
Vi Espero restos ĉiam stelo,
Ĉiam malproksima por la homo.

Eĉ se iam jena tempo venos
Post jarmiloj, kaj post miliardo,
Tiam ree homon batos homo,
Sed li batos lin en via nomo
Ankaŭ kun la stelo sur standardo.

Feliĉe, nur malmulto da poemoj portas tian karakteron. Estas kelkaj eĉ tre kortuŝe beletaj, kiel ekzemple **Lulkanto** dediĉita al S-ino M. Hankel :

Dormu, mia infaneto,
Sonĝu pri la gardanĝelo,
Pri la birdo flugetanta,
Pri la suno radianta
Kaj pri steloj sur ĉielo.

Ankaŭ via patrineto
Revis iam pri la rozo,
Pri la floroj kun odoro,
Pri la amo sen doloro,
Pri la vivo sen la prozo..., k. t. p.

Kiel montras la citajoj, la poemetoj estas belsonaj, facile kompreneblaj ; ili bonege taŭgas por recitado en rondetoj esperantistaj, pri kio ankaŭ pensis la poeto, kiel li ĝin konfesas en antaŭparolo, petante, ke oni informu lin « kiam samideanoj aŭ korporacioj uzos tiun aŭ alian poemon en siaj kunvenoj ».

La presado de poemoj estas beleta, kio bonege pruvas, ke eĉ malgrandaj provincaj presejoj (presis J. Scholle en Chrudim) povas eldoni esperantan literaturon sen tiuj malhelpoj, pri kiuj amas multe paroli kelkaj « plibonigistoj de Esperanto », fuŝantaj ĝin verdire sole nur tio « ke la presejoj povu uzi presliterojn, kiujn ili havas ».

Oni povas nur gratuli al la aŭtoro pri tiel beleta verko kaj oni esperas, ke la liro unufoje streĉita baldaŭ reeksonos.

K. Kudrna.

.·.

### Aldona rimarko

Mi tute aprobas la recenzon de S-ro K. Kudrna. Nur por montri, ke mi atente legis la verketon, mi aldonas kelkajn negravajn kritikojn pri detaloj :

1e Preseraroj : p. 20, autaŭen (antaŭen) ; p. 26, tuto (tute).

2e Versoj neregulaj : p. 8, *ekbrilis* en okcidento ; p. 17, *fermita* en mia koro ; p. 23, *aperis* al mi en nova formo ; p. 26, ĉiam trompitaj kaj esperantaj ; kiel ĉe vi envi' ĉion pestas.

3e Malkorektajoj : (titolpaĝo) *despero* (malespero) ; p. 7, *ondiĝita*, (ondigita, ondiĝinta).

Cetere, rimarkinda estas la verketo de tiel malnova (sesmonata !) esperantisto. Kiajn ĉefverkojn D-ro Schulhof elpensos por la plezuro kaj admiro de l'esperantistoj poeziamaj, kiam li pli profunde enpenetriĝos esperantismon kaj ne plu malesperos !

VERTO.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

**Novajoj de la Distriktoj.** — *Norda Bohemujo.* — Nun en tiu landparto estas grupo en ĉiu urbo kaj urbeto. Speciale bonsukcesaj estas la ekskursoj organizataj por propagando; la grupo de Bœhm-. Leipa estas en tiu rilato tute rimarkinda. La lastan jaron okazis granda festotago en Leitmeritz, grandaj kunvenoj en bohema limurbo Sebnitz kaj en la saksa urbo Zittau, kiujn ĉeestis meznombre 300 partoprenantoj. — F. J.

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Kehl-am-Rhein*, Germanujo, dank al la klopodoj de nia eksdelegito en Venezia, S-ro Paoli Schwartz, nova grupo estos baldaŭ fondata. — P.S.

En *Pernambuco* kaj *Recife* (Brazilujo); en *Pirna* (Germ.) fondiĝis esp. laborista grupo. — M. G.

Estis fondata *Teozofia Esperantista Ligo.* Sin turni al la red. de British Esperantist. — B. E.

Oni estas kreantaj *katolikan belgan Esp. Ligon*, aliĝantan al la Internacia katolika Ligo. Tiaj ligoj ekzistas jam en Nederlando (1.000 membroj), Bulgarujo, Katalunjo, Hispanujo.

Nova klubo, la « Suda Kruco » estas fondita en Sydney. B.

En *Potsdam*, ĵus fondiĝis komitato celanta la enkondukon de Esperanto en la praktikan vivon, konsistanta el anoj de la urbaj aŭtoritatoj, de la Societo por Fremdulaj rilatoj (Esperantia Entrepreno), de la Unuiĝo por Komerco kaj Industrio, de la Esp. grupoj en Potsdam kaj Nowawes. La prezidanto estas la ĉefurbestro S-ro Vosberg, membro de la prusa popola reprezentantaro kaj S-ro Prof. D-ro Ad. Schmidt vicpr. — O. S.

**Esperanto-instruado.** — La 13 febr., en *Weinbœhla*, Saksujo, S-ro inspektoro D-ro Gelbe inspektis la esp. gelernantojn de S^ro^ Arthur Sohrmann dum 3/4 horoj. Ĉar la kurso estas ĝis nun ne oficiala sed organizita de la esp. unuiĝo, oni esperas por estonteco oficialan helpon. — A. L.

Novaj kursoj estis organizataj en *Condé*, (90 lernantoj), *Limoges*, *Sedan*, (40 soldatoj), Francujo. En la diversaj kvartaloj de *Londono*, 39 kursoj; 2 en *Bahia*, Brazilujo. Novaj kursoj ankaŭ en *Jerusalem*; en *Pekin*, *Shanghaï*, *Fu-Kie*, *Kanton*, Ĥinujo, kaj en *Voronej*, Rusujo.

Kursoj por laboristoj estis fondataj en *Parizo*, *Grenoble*, *Halifax*, *Danzig*, *Bromberg*, *Antwerpeno*, *Amsterdam* kaj *New-York*. — M. G.

En *Kursk*, 70 lernantoj. — A. B.

En *Sydney*, kurso por oficistoj de la firmo Burroughs Wellcome kaj K^io^. — B.

La 22 jan. okazis elementaj kaj superaj ekzamenoj en *Hamburg*. — E. J.

En *Samos*, konforme al la princa dekreto pri enkonduko de Esp. en la lernejoj, la instruado de la lingvo komencis en la lernejoj, kie la Esp. societo povis disponebligi instruantojn. — S. E.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Tolok*, insuloj Celebes, esp. festo en kiu partoprenis kelkaj samideanoj estis organizata okaze de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof. — R. V.

Esp. festo okazis en *Antwerpeno*, la 4 feb. okaze de la datreveno de la fondo de l'grupo « Verda Stelo ». — M. C.

En *Hamburg* okazas ĉiumonate komuna diskutado kiun partoprenas ĉiuj grupoj de la tiea unuiĝo. La lasta okazis la 30 jan. La raportinto S-ro Ehlers ekzamenis kaj priparolis kelkajn ideojn por la propagando kaj nia Del. S-ro Vogler uzis la okazon por denove atentigi la aŭdantaron pri U. E. A. — E. J.

En *Bordighera* 12 feb. okazis bela esp. festo kiun partoprenis samideanoj de Nice, Monaco, Menton, Genova entute 70 el 5 nacioj. — E. de B.

**Paroladoj.** — En *Bern*, la 7 febr. en la Berna katolika Societo, kaj la 15 febr. en *Basel* en la Esp. grupo, paroladoj de S-ro J. Schmid komitatano, pri U. E. A. — J. S.

En Esp. klubo de *Kakleny*, Bohemujo, parolado pri U.E.A., la 4-an de marto. — H. K.

En Memmingen nia Del. S-ro Dippner faris sukcesplenan paroladon pri U. E. A. — Fr. F.

S-ro Ed. Stettler, Vicdir. de U. E. A., dum vojaĝo, tra Anglujo estis afable akceptata de la Esp-ianoj en *Manchester*, *Warington*, *Coventry*, *London*, al kiuj li alportis la salutojn de la Centra Oficejo de U. E. A.

En Ĥarkov, D-ro Ostrovskij faris longan paroladon pri Esp., aparte detale pri U. E. A. — O. E.

La 6 feb. parolado de nia komitatano Ed. Privat pri Esp. kaj U. E. A. en Chaux-de-Fonds (Svis.); 250 ĉeestantoj. — E, P.

La 21 febr. en *Verona*, en la salono de la Unuiĝo de Veronaj Studentoj, S-ro Pastro Verri Ferdinando, el Bologna, tre sukcese paroladis pri Esperanto kaj U. E. A. La eminenta oratoro intencas fari aliajn paroladojn en diversaj italaj urboj. — C. S.

## OKAZONTAĴOJ

*12 Marto.* — Ĝenerala kunveno de la German-Aŭstria Esperantista Ligo en *Wien*.

*25 Marto.* — Ĉiujara festo de la Esp. Grupo de *Le Creusot*, Franc. — D.

*2 Aprilo.* — En Taverny kaj St-Leu (Seine-et-Oise, Francujo), okazos granda propaganda festo kun parolado de S-ro C. Bourlet. — E. A.

*21-23 aprilo. — Nacia kongreso de S. F. P. E. en Lyon. — Kaj regiona kongreso de la Federacio Esp. Rodano.* — Programo : Vendredon 21 Apr., 8^a^ h. vespere, solena malfermo de l'Nacia Kongreso ; festeto kun parolado de S-ro Chavet. Sabaton 22, matene kaj posttagm., kunsidoj de la Delegitoj de S. F. P. E. Vespere, 8 h., granda festeno en kiu promesis partopreni multaj plej talentaj artistoj ; 11 h., balo. — Dimanĉon 23, matene, kunsido de la Delegitoj de F. E. R. — tagmeze, granda festeno ; posttagmeze, solena fermo de la Kongreso kun ĉeesto de ĉiuj oficialaj eminentuloj.

La kunvenoj de aliaj societoj okazos au sabaton, aŭ dimanĉon. La francaj anoj de Internaciaj Asocioj estas invitataj kunveni en Lyon. Oni esperas, ke la fremdaj Naciaj Societoj komisios kelkajn el siaj anoj por reprezenti ilin ĉe la Kongreso. Prezo de la kongreskarto $ 0,80. — (Oficiale komunikita).

*Aprilo.* — En *Roubaix*. Nord (Francujo), okazos Internacia Ekspozicio, sub la aŭspicioj de la urbestraro, en belega Parko de Barbieux, kaj etendiĝos sur 30 hektaroj. Estos elmontrataj naciaj kaj internaciaj produktajoj rilate al teksaj industrioj, ĝenerala meĥaniko, profesia instruado, kaj speciale la procedoj, produktajoj kaj iloj de ĉiuspecaj industrioj de la agemaj departementoj de Norda Francujo. Ĉar la Esp. grupo de Roubaix-Tourcoing, Esperantia entrepreno, decidis partopreni tiun manifestadon ĝi petas ke oni sendu al ĝi ĉiujn librojn, katalogojn, leterojn, cirkulerojn, kartojn, etiketojn, k. c., por la dirita ekspozicio. Sin turni al S-ro Ch. Dorion, prez. de la Esp. grupo, 46, rue des Fabricants, Roubaix. — (Esp. gr. en Roubaix).

*En printempo*, okazos kunveno de la bavaraj Del. membroj de U. E. A. en Nürnberg. — Fr. F.

*20-21 Majo. — Kongreso de la Burgonja Federacio kaj ĉiujara kunveno de la Delegitoj de la Burgonja Distrikto en Chalon-sur-Saône.* — La Kongreso okazos sub la honora prezidanteco de S-ro Richard urbestro de Chalon kaj senatano de Saône-et-Loire.

Samtempe sub la aŭspicioj de U. E. A. okazos ekspozicio de ĉiuspecaj Esperantaĵoj kaj de ĉiuspecaj komercaĵoj fabrikataj de Esp. firmoj. Tiuj komercaĵoj estos laŭvole au nur elmontrataj au vendataj. Oni sin turnu al la sekretario : S-ro Rustand, 14, rue Egdard-Quinet, Chalon-sur-Saône (Saône-et-Loire) Franc. — (Oficiala kom. de F. E. G. B., Esperantia entrepreno).

*Majo-Septembro, — Schweidnitz*, Silezio (Germanujo), okazos granda ekspozicio metia, industria kaj terkultura. En la granda ekspozhalo jam nun estas rezervita al nia loka grupo loko por esperantiaĵoj. Ĉiuj samideanoj, speciale Del. komercistoj, fabrikantoj bonvole sendu ĉiuspecajn jurnalojn, komercajn prospektojn k. c. — Oni samtempe provos aranĝi kunvenon de la najbaraj grupoj. — Oni sin turnu al la Esp. Of. Albert Kaisers Buchhandlung, 7, Zuckschiverdt, Schweidnitz. — (Of. kom. de la grupo, Esperantia Asocio).

*14-19 Aŭgusto. — Dua Kongreso Internacia de katolikaj Esperantistoj, en S-Gravenhage (Hago). Nederlando.* — La katolikaj Esperantianoj estas invitataj kiel eble plej grandnombre ĉeesti la kongreson. Tuj post ĝi ili povos partopreni la kongresojn en Antverpen, kiu kuŝas tute proksime de Hago. Oni mendu la belajn kongresmarkojn, kiujn sendos post ricevo de $ 0,50 po 100, la Del. en Hago, S-ro H. F. Pothast. — (H. F. P.).

*Dum somero 1911* okazos en Berlino grava *Internacia Ekspozicio por vojaĝoj kaj alilandaj rilatoj*. La Berlina Esperantistaro decidis partopreni en ĝi. Speciala parto estos dediĉata al U. E. A. kaj al la turismaj aplikaĵoj, kiujn ĝi ebligas. La organiza komitato de tiu ekspozicio, kiu estos Esperantia Entrepreno, konsistas el S-roj D-ro Breiger, prez. ; Kohler, Del. U. E. A., vicprez. ; Sostmnann, sekretario ; Ellersick, kasisto. — T. K.

## DIVERSAĴOJ

.˙. Je la fino de Januaro, la franca Societo por la propagando de Esp., kiu estas Esperantia Entrepreno, kalkulis 6 federaciojn, 169 grupojn, 8766 membrojn.

.˙. S-ro Demarcy, membro de la komisiono de U. E. A. pri la Internacia Aviada konkurso, kaj de la komitato de S. f. p. E., sendis al la francaj Esp. grupoj cirkuleron, per kiu li instigas ilin partopreni je nia monkolekto,

.˙. La ĝenerala konsilantaro de l'franca departemento Seine voĉdonis monhelpon da 120 Sm. al la Pariza Esp. grupo, Esp-ia Entrepreno.

.˙. La garantia fondaĵo de la Brita Esp. Asocio atingas nun 61.300 Sm. — B. E.

.˙. Estas en presado adresaro de la Ruslandaj Esperantistoj. — O. E.

.˙. La Holanda Esp. Societo kalkulas 353 membrojn. — H. P.

.˙. Grava plensukcesa Esp. ekspozicio okazis en Varsovio.

.˙. La provo organizata de la grava ĉiutaga gazeto *Excelsior*, en Paris, bonege sukcesis kaj estis granda triumfo por nia lingvo, kiu tiel, elskvente montris sian fluidecon kaj klarecon.

Efektive la juĝantaro, elektita inter francaj literaturistoj el Francujo, mire ekvidis ke, el la ses tekotoj dufoje bradukitaj, la plej bonaj estis la itala kaj *Esperanta*. Neniu grava eraro en la tradukado, nur 2 aŭ 3 eraretoj, tiel estas la rezultato. Kaj S-ro Tristan Bernard, nia agema « samideano » kiu partoprenis en la juĝado, kredas, siavice, ke la esperanta teksto la plej bona estas ; malgraŭ ĉio, mirinde estas ke lingvo, artefarita kiel la nia, povas konkuri sukcese kun el le plej perfektaj lingvoj de Eŭropo. Dankemaj devas esti la Esperantistoj al *Excelsior* kiu permesis tion ekmontrigi. — M. G.

.˙. En *Brandon* Kanado, Esperanto fariĝis kvazaŭ oficiala lingvo. Efektive Pastro Decoene, preĝas, konfesprenas, kaj predikas en nia lingvo al siaj paroĥanoj. Li ankaŭ per Esperanto klarigas la kateĥismon al la geinfanoj,

Oni devas konsideri ke en tiu urbo estas elmigrintoj apartenantaj al 32 nacioj, kaj per nia lingvo tiu ŝatinda pastro helpas al ili. LE MONDE ESPÉRANTISTE.

.˙. En *Sydney*, okazis antaŭ kelkaj semajnoj la unua diservo en Esperanto, en la preĝejo « Unitarian » Preĝejo, aranĝita kaj kondukita de S-ro Viktoro Roinel kun la afabla permeso de S-ro Pastro Georgo Walters. — B.

.˙. Tre energiaj protestoj kontraŭ la vortaro de S-ro Grosjean-Maupin estas voĉdonitaj de la Esp. grupoj de Limoges kaj Hamburg. — J. E. kaj de L.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Juneco* enhavas favorajn opiniojn pri Esperanto de J. Reinach, Gautherot, Marc Sangnier, Tristan Bernard, francaj verkistoj. Sub titolo Esperanto kaj Esperantismo, R. Munet diras :

« Esperanto estas neŭtrala ilo, sed Esperantismo estas ideo ne neŭtrala, idealo marŝanta inter la aliaj grandaj homaj idealoj ; kaj nur tiuj, kiuj celas tiun idealon, estas Esperantistoj ; nur ili estas niaj samideanoj. Sed ne plu estas niaj samideanoj tiuj, kiuj celas idealon kontraŭ la nia, eĉ se ili parolas nian lingvon gramatike, kaj eĉ se ili propagandas ĝian uzon, ĉar ili ne komprenas nek povas propagandi ĝian spiriton... »

Tre ĝuste, sed la Esperantistojn, kiuj akceptas la Esperantisman idealon, ni nomas Esperantianoj. Esperantisto laŭ la Bulonja deklaro, estas ĉiu, kiu uzas Esperanton por kia ajn celo... Partianoj de Esperantisma interna ideo devas esti membroj de U. E. A., kiu oficiale rekonas tiun idealon en sia Statuto.

.˙. *Pola Esperantisto*, reaperas regule ĉiumonate, kun nova redakcio.

.˙. Laŭ kutimo de kelkaj germanaj gazetoj, *Germana Esperanto-Gazeto* eldonis sian specialan humor-seriozan numeron.

.˙. Nova Gazeto. — *La Korespondanto*, Esperantia entrepreno, kies celo estas antaŭdiri la veteron en Eŭropo 15 tagojn antaŭe. Bonan sukceson ! Adreso : Calle Cruz Nueva, 6, Valencia Hispanujo.

.˙. Bona artikolo pri Esperanto en *Keler Zeitung* de S-ro P. Schwartz. — P. S.

.˙. Favoraj artikoloj pri nia afero en *Het Aandelsblad*, *Le Travail*, Belgujo, les *Annales*, *Lyon-Républicain* (7 feb.) *Paris-Journal* (13 feb.), Francujo. — M. G.

# Esperantia Vivo

**Mortoj**. — S-ino Concha Barres Seita Juinar edzino de nia konsulo por Coïmbra.

S-ro pastro J. W. van der Wal, prezidinto kaj religia konsilanto de la Haga Katolika Esp. Ligo, mortis la 15 feb. 1911, post dolorplena malsano, atinginta la aĝon de 37 jaroj. Kelkaj membroj de la supredirita asocio akompanis la mortinton al lia lasta restejo. Nederlanda Esp. Ligo ankaŭ estis reprezentata. La Haga Ligo okazigis meson por la amita samideano ; multaj Esp. ĉeestis, — H. F. P.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Komerca Bulteno

Post kelkaj semajnoj aperos kiel senpaga aldono de *Esperanto* kaj aparta presaĵo por la komercaj konsuloj kaj Esperantiaj Entreprenoj la unua N° de *Komerca Bulteno*.

Tiu ĉi eldonaĵo, kiu komence aperos laŭ la bezonoj, enhavos oficialan informilon por la komercaj konsuloj, diversajn raportojn pri komercaj aferoj el niaj specialaj kunlaborantoj, servon de demandoj pri komercaj temoj por la legantoj kaj per la komercaj konsuloj, k. t. p. La redaktadon de tiu Bulteno bonvolis preni sur sin S-ro W. A. Vogler, Vickomitatano kaj prezidanto de la komerca komisiono, kun helpo de la Komerca Komisiono kaj de diverslandaj korespondantoj.

Ni tre petas niajn komercajn konsulojn kaj entute ĉiujn Esperantiajn komercistojn, ke ili bonvolu kunlabori je la dirita Bulteno, kiu celas esti kiel eble plej interesa kaj utila. Ĉio, kio koncernas la Komercan Bultenon, estu adresata al S-ro W. A, Vogler, A.-B-.C.-Strasse, 52 Hamburg, (German).

### Etato de la Esperantianoj

Je la 15 Februaro la nombro de la Esperantianoj, kies kotizaĵo por 1911 estis enkasigita de la centra kaso de U. E. A., estis *4,006*.

Ĝis nun en la jenaj regionoj ekzistas pli ol 20 membroj enregistrigitaj por 1911 : Ansbach, Arnstadt, Augsburg, Barcelona, Beaune, Berlin, Bordeaux Bradford, Breslau, Bruxelles, Cordoba, Dijon, Dublin, Düsseldorf, Edinburgh, Essen, Genève, Genova, Godesberg, s'Gravenhage, Haarlem, Hull, Kœln, Kœnigsberg, Kostroma, Krakow, Kristiania, Le Mans, Liverpool, Le Creusot, Lozovaja, Magdeburg, Manchester, Manila, Marseille, Nancy, Neuchatel, Newcastle, Nice, Porsmouth, Radebeul, Reval, Rostov, Rotterdam, Sabadell, San Sebastien, Sevilla, Tacoma, Trieste, Valencia, Vilna, Zaragoza.

En la jenaj regionoj estas enregistrigitaj jam pli ol 50 membroj por 1911 : *Danzig, Dresden, Grenoble, London, München, Moskvo, Paris, Stuttgart.*

Tutkoran dankon al la Delegitoj de ĉiuj tiuj regionoj pro ilia agado !

### Statistiko

*Movado de la korespondaĵoj* dum januaro 1911 ;

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj | Sumo |
|---|---|---|---|
| 1394 | 1551 | 287 | 3232 |

Dum januaro *1910* la movado de la korespondaĵoj atingis 1596.

En la cifero de la forsenditaĵoj ne estas enkalkulataj la Jarlibroj (4.000).

### Esperantiaj Asocioj

Ni rememorigas, ke ĉiuj organizaĵoj, kies ĉiuj aktivaj membroj estas Esp-ianoj, estas speciale enregistrigitaj kiel *Esperantiaj Asocioj* en nia Jarlibro ; ili ĝuas senpage la samajn rajtojn kiel la Entreprenoj. Ni ekscias, ke diversaj organizaĵoj forgesis sendi al ni sian peton pri enregistriĝo kiel asocioj kaj ni petas ke ili bonvolu tion fari. Oni sendu al ni 2 ekz. de la Statuto kun oficiala atesto, ke la aktivaj membroj estas Esp-ianoj.

### Turismo

En somero 1911 okazos en Berlino Internacia ekspozicio pri turismo kaj fremdulaj interrilatoj, ĉe kiu oficiale partoprenos U. E. A. Ni tre petas ĉiuj niajn Del. kaj membrojn, ke ili bonvolu sendi ĉiujn presaĵojn, gvidilojn, propagandilojn Esperantajn, k. t. p. kiuj koncernas vojaĝan aŭ alilandulan interkomunikiĝon al S-ro D-ro Breiger, Luisenstr-51, Berlin, N. W. 6.

La Direktoro.

### Financoj.

*Konteltiro de U. E. A. de Januaro 1911*

| Elspezoj | $ | Enspezoj | $ |
|---|---|---|---|
| Lupago, Hejtado kaj Lumigado | 32 74 | Kotizaĵoj | 491 70 |
| Salajro | 115 20 | Aprobantoj | 0 50 |
| Oficejo | 118 70 | Dumvivaj membroj | 60 » |
| Materialo | 21 » | Esperantiaj Entrepr. | 125 94 |
| Presaĵoj | 19 20 | Anoncoj | 32 » |
| Pradukaĵoj | 20 » | Malnovaj kontoj | 12 43 |
| Tropagando | 34 78 | Donacoj | 22 24 |
| Storno | 20 » | Aviado | 16 58 |
| Diversaj kontoj | 2 99 | | |
| | 384 61 | | 761 39 |
| *Saldo* | 376 78 | | |
| | 761 39 | | |

*Donacoj por U. E. A.*

(Decembro 1910. — Januaro 1911)

| | $ | | $ |
|---|---|---|---|
| Wright-Newcastle-on/T | 1 70 | Hedley-Ince | 0 88 |
| Ivaniekij | 0 22 | Abato Requin | 0 52 |
| Helensburg | 1 04 | Rœmer | 1 58 |
| Hovban | 0 50 | Wright | 0 80 |
| Magnus Sœndhal | 0 50 | Sexton | 1 » |
| Kolonelo Dale | 4 24 | Dewar | 4 04 |
| Vogler | 0 24 | Robb | 0 16 |
| Hard | 0 46 | Pryor-Nix | 2 50 |
| Feldmann | 0 50 | | |
| Ĝebrovska | 0 20 | *Sumo* | 24 16 |
| Plos-Duisburg | 3 08 | | |

*Donacoj por Internacia Aviada Rondvojaĝo*

(Nova listo)

| | $ | | $ |
|---|---|---|---|
| Ploussu | 2 » | Sanchez | 0 37 |
| Escobès | 0 50 | I. Md Mazzal | 0 92 |
| Lemoine | 0 40 | Tetaud-Cholet | 0 40 |
| Tison | 0 20 | Esperanto-Grupo-Cholet | 2 » |
| Bord | 1 » | Esperanto-Grupo-Sens | 8 » |
| Freiburg | 1 30 | C. Bourlet | 4 » |
| Perez | 0 92 | | |
| Chocomeli | 0 92 | | 24 68 |
| Mazzal | 0 92 | *Antaŭaj listoj* | 54 66 |
| Sanz | 0 46 | | |
| Mateu | 0 37 | *Sumo* | 79 34 |

### Novaj Del. Vicdel. & Subd.

Bruning (Usono, Nebraska). — Francis J. Monohon.

Burgdorf Svisujo). — J. Lehmann-Binder, fervoja oficisto.

Cardiff (Anglujo). — Dan Thomas, farmaciisto, Penarthe Road, Vicdel.

Charleville (Francujo). — Georges Rambour, 40, rue Baron-Quinart.

Cheltenham (Anglujo, Gloucestershire), S-ro Westmancote 41, Courtenay, St.

Christchurch (Anglujo, Hants). — A. Balshaw, Walkford.

Coutances (Francujo, Manche). — J. Lemoine, 12, rue Saint-Maur, Vicdel.

Escondido (Usono, Californie), W.-W. Carpenter, P. O. Box, 82.

Freienstum-Rohrbas (Svisujo). — J.-G. Fritschi, komercisto, Subdel.

Goyanna (Brazilujo, Pernambuco). — D-ro Methodio Maranhão.

Leising i/Sa (Germanujo, Saksujo). — D-ro Paul Haller.

Lewes (Anglujo, Surrex.). — H. Verral, 8, Grange Road.

Perpignan (Franc.). — Saillens, kapitano ĉe 24-a kolonia regimento.

Pétrozavodsk (Rusujo, Olonetzkaja gub.). — Semen, Epinov, Ŝirokaja ul. 15.

Pol Ostrava (Aŭstrio, Siberio). — Jan Babinec, Subdel.

Radvanice (Aŭstrio, Silezio). — Josep Sliva, Salmovec, 1, Pol Ostrava, Vicdel.

Rhode-Island (Usono). — Henry S. Reynolds, Providence.

Rohova (Bulgar). — Mihail Krajev.

St Joseph (Usono, Missouri). — E.-H. Eckel, pastro.

Saint-Lô (Franc., Manche). — Reichier, 4, rue Dollée.

Salmovec (Aŭstrio, Silezio). — Rud. Svoboda, 413, Subdel.

San Francisco (Usono, Californie). — L.-H. Gorham, 1876, Mission St.

Stirling (Skotlando). — Thomas Grieve, 16, Snowdon Place.

Vitry-sur-Seine (Francujo). — Michou, 78, Avenue de Ch. de Fer, Subdel.

Vyŝkov (Aŭstrio, Moravio). — Boh. Neubauer, oficisto de sukerfabriko.

Woolwich (Anglujo). — E.-K. Tayne, 22, Kinveachy Gardens, Old. Charleton S. E. London.

Wyŝnij-Woloĉok (Rusujo, Tver. gub.). — Vitold Raczkiewicz, Ostrov, d. Vafej.

Xanthi (Turkujo). — Jean Kobouroff.

# REKLAMO

## TARIFO

**Anoncetoj.**

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj):* $ *0.20 (= 50 centimoj).*

Petoj & Proponoj ;Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj) :* $ *0.15 (= 40 centimoj).*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

**Reklamo.**

*1 linio aŭ ĝia spaco Sm. 0.20 (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o ; por 12 enpresoj, 25 o/o ; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo kaj Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, X[e] ; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.* ; Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo, Th. Anding, *Berlin, S. W. 48* ; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig* ; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo.*

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* b.fl. = *bildflanko.*

Mikkeli (Finnlando, Suomi). — S-ro Johanno Ratamo, Uusi Apteekki, PI. L.

Namsos (Norveg.). — S-ro R. Buseth, L. pri socialaj kaj politikaj demandoj taŭgaj por enpresigo en naciaj jurnal.

Wandsbek (Germ.). — S-ro A. Brüggemann, Bramfelderstr., 42, PI. (PM. b. fl.), kaj gazet.

Frankfurt a/M. (Germ.). S-ro M. Deutschmann, Kriegsstr., 46, per PI. montrantaj morojn kaj kutimojn de la popolo aŭ per L pri sociaj demandoj.

Beaune (Franc., Côte-d'Or). — S-ro Josep Pion, bankoficisto, 34, rue de la Comédie, koresp. kun samprofesianoj de ĉiu lando.

Pleven (Bulgar.). — S-ro Boris Marinov. poste-restante.

Toulouse (Franc.). — S-ro Pierre Morizot, 36, rue Pauilhac, PI.

Fécamp (Franc. Seine-Inf.). — S-ro Robert Pottier, rue de Bolbec, PI. PM.

Weinbœhla-Dresden (German.). — S-ro Arthur Sohrmann, instruisto, Kronprinzen str., 5, kun eksterland.

Lauzano (Svis.). — S-ro St. Lubliner, poste-restante, PM. L., poŝtaj lutajoj, kaj uzitaj veturbiletoj.

Ĉiuj germanaj kaj negerm. esp. studentoj, venontaj ĉi tiun jaron Leipzig'on (Germ.), estas petataj skribi al la Esperanto-Sekcio de la Leipziga Liberstudentaro (Oficejo E. Krœber, Wettinerstr., 21 L.). Oni donos ĉiujn informojn.

Valaŝ Meziriĉi (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Rud. Rozenfeld, PM. PK.

Charlottenburg-Berlin (Germanujo), — S-ro Georg Anding, Pestalozzistr., 75.

Palma (Hisp. Majorca). — S-ro Gabriel Alomor, Vallori, 14, PM. PK.

Novoĉerkask (Rusujo, Dona). — S-ro B. Popov, Mariynskaja, 36, PM.

Worms a/Rh. (Germ.). — S-ro Heinr. Pfaff, instr. Ulmenallee, 10, PI. PM.

Paris (Franc.). — S-ro Louis Angier, soldato, 31[e] d'Infanterie, 9[e] Compagnie, Caserne des Tourelles, PI. — S-ro Michel Triché, 15, Villa de l'Hermitage, PI.

Pihl (Aŭstrio, Bohem.). — S-ro Ferd. Jochmann, PI. kaj liveras prezon de trinkglasoj kun esp. stelo kaj ornamo.

Saratov (Rusujo). — S-ro An. Arĥangelskij, Melnika Borel, PI. kun sam. el ĉiuj ĉefurboj. — S-ro V. Sutjagin, Nikolskaja ul, Magazeno Fedina, PK, PI, L.

Wilno (Rusujo). — S-ro K. Gerŝater, Aleksandrovskij, s. 23, L. 6, per PI kun samid. de malproks. land, ekz. Ĥinujo, Hindujo, Australio kaj kun insulanoj.

Kamar (Rus. Ekat. gub.). — S-ro A. Ja. Ŝejnhauz, privata instruisto, PI, L.

East Maitland (Australia, N. S. W.). — S-ro T.-C. Burges PI. kun gesamid. de Azio, Afriko, Suda kaj Centra Ameriko (PM. blfl.).

Chateaurenard (Franc., Provence). — S-ro Pierre Gros, place Oretoire, kun ĉiulandanoj. — S-ro Pauleau Eugène, droguiste, kun alilanduloj.

Gerona (Hispan. Kataluno). — S-ro José M[ia] Vinas, Plaza del Molino N-o 5, PI. — S-ro Ramon Tarrés, Calle den Bern N-o 9, PI.

Rostov-na-Donu (Rus.). — S-ro Feodor Porosjukov petas adresi laŭ la nova adreso : Ermolowskaja, 74.

Kolozsvar (Hungar, Egyetem). — S-ro Béla David, universitata oficisto, PI.

St-André de Cubzac (Franc., Gironde). — S-ro Léon Moudon, Ecole normale, PI. — S-ro Jean Franc, Ecole normale, PI (L. kun entomologiisto).

Paris (Franc.), — S-ro Fernand Sarles, 11, B[d] de la Villette, PI. PM.

Memmingen (German, Bavarujo). — S-ro Jakob Hauck, Kempterstr., 29, PI.

Givors-Canal (Franc., Rhône). — S-ro M. Gachet, 20, rue Victor-Hugo, kun Turk., Ital., Norveg., Dank., Portugal., Grek., Serb., Luksemburg, Montenegroj, Afrik. Azianoj, Amerik. PM. ĉiulandanoj.

Dresden A. (Germ.). — S-ro Kurto Hammer, Serrestr., 14, PI.

Nieuwe-Niedorp (Nederlando). — S-ro Christian Kamper.

Manchester (Angl.). — S-ro F. Farrington, 26, Princess Str., Castleton, L. pri interesaj temoj ; ankaŭ kun ŝakludantoj.

Jodmorden (Angl.). — S-ro Fred. Gibson, PI.

Sampierdarena-Genova (Ital.). — S-ro Amedeo Red Ifi, kalkulisto, via Cristoforo Colombo, 45-4.

Ludwigsburg (Germ.). — S-ro Luis Wied, Franzosenstr., 31, PK. PI (PM. ne b. fl.).

Valencia (Hispanujo). — F-ino Annjo Ventura, Roteros, 10 kaj 12, PI.

Stettin (Germ., Pommern.). — S-ro H. Lucas, Hohenzollernstr., 73-III, kun gesamid. ekstereŭropaj, PI.

Savannah (Usono, Ga). — F-ino Helen Whatley, 124, East Harris St., PI. — F-inoj Beatrice kaj Emma Warth, 215, East Jones St., PI. — F-ino Lily H. Emerson, 17, East Perry Str., PI. — F-ino E. Esther Owen, 124, East Harris Str., PI.

Dijon (Franc.). — La membroj de la « Esperantia hejmo », 28, rue Buffon, kun nefranc. gesamid. per PI.

Barcelona (Hispan.). — S-ro Manuelo Rodellar, str. Diputacion, 93, PI. kun neeŭropanoj, PM. bfl.

Paris-IIe (Franc.). — S-ro Gaston Manessier, 3, rue Saint-Sauveur, PI.

Champigny-Seine (Franc.). — S-ino Radet, 7, Avenue de Bretigny, PI.

Düsseldorf (Germ.). — S-ro C. Hoffmann, 18, Volksgartenstr., PI.

Barmen (Germ.). — S-ro H. Freckmann, 6, Erlenstr., PI.

Budapest (Hungar.). — S-ro D-ro Adalberto Schmitt, H. Donati u. 11, PI. PM. kun alilanduloj.

Krefeld (German., Rheinland). — S-ro Adolf Junker, arkitekto, Marianenstr., N-o 60, kun alilanduloj.

Aix-sur-Vienne (Franc. H. V.). — S-ro Charles Gérald Vins, PI. L.

Moskvo (Rusujo). — S-ro V.-A. Lebedev, Do vostrebovanija, Tverskaja, d. Girŝman, kafejo de Jani.

Paris-IXe (Franc.). — S-ro Pierre Camescasse (12 jara), 1 *bis*, rue Lallies PM. kun nefrancoj.

Kristiania (Norvegujo). — S-ro H.-Th. Thomsen, Stolmakergt, 6, PI. kun neeŭrop., sudeŭrop. kaj ĉefurbanoj.

Sheffield (Angl.). — S-ro Geo W. Roome, 214, Psalter Lane, PI. kaj L. pri Geologio Botaniko, esp. instruado.

Düsseldorf (Germ.). — S-ro B. Luis, 28, Werstenerstr., PI. kun neeŭrop.

Montevideo (Ameriko, Uruguay). — S-ro Paul V. Idoyaga, 25 de Majo, 471, PI. (PM. bfl.).

Borgo (Finlando). — S-ro Walter Wahlbeck, kun naturgeamikoj, interŝ. naturobjektojn kaj PI. (prefere naturvidaĵoj). — S-ro Bergh, PI. kun francoj, sudaj ekstereŭrop.

Valencia (Hispan.). — S-ro Joaquin Montort, C. Linan, 18-20, PI. — S-ro Juan Cancio, C.-S. Fernando, 29 31, PI. — S-ro Selestino Ortells, C. Ramilletes, 10-12, PI. — S-ro Alfredo Cancio, Pascual y Genis, 1, PI.

Verona (Ital.). — S-ro Michele Liverani V. lo. S. Silvestro, 6, PI. PM.

Milwaukee (Usono). — S-ro E.-F. Gould, N-o 203, Strato 22-an, PI.

Essen-Ruhr (Germ.). — Muzikinstruistino M. Bartholome, Wiesenstr., 63, PI. L. kun fremdaj kolegoj,

Batum (Rusujo, Kaŭkazo). — S-ro Simeon Mkrtiĉjan, Armena lernejo, L., PI. precipe kun Japanoj, ĥinoj, Kubanoj, Aŭtralianoj kaj Nov-Zelandanoj pri esperanta movado.

Amiens (Francujo, Somme). — Dekok studentoj ĉe la instruista edukejo (normala lernejo por instruistoj) : dez. kore-p. kun junaj gesamprofesianoj alilandaj. Ankaŭ kelkaj liceanoj 12-16 jaraj havas saman deziron. S-ro G. Queste, prez. de la Esp. Gr., rue Jeanne-d'Arc, 44, donos adresojn.

Harmanli (Bulgar.). — S-ro Georgi V. Granĉarov, PK. PN.

Saratov (Rusujo). — S-ro A. M. Niŝĉenkov, Pokrovskaja ulgoraŭ N-o 10, L. PI.

Gross-Shœnan (Germanujo). — S-ro Karl Christophe nun kun Turkoj, Grekoj, Rumanoj, Serboj, Bulgaroj, Montenegroj, Portugaloj, Italoj, Norvegoj, kaj kun samideanoj en Azio, Afriko, Ameriko.

Cholet (Francujo). — La geanoj de la Esp.-Grupo L. PI. skribi al prez. S-ro G. Tétaud, rue Bons-Enfants.

Lodz (Rusujo, Polujo). — S-ro K. Orzechovski, str. Piotrkovska N-o 242, PI.

Cordoba (Respubliko Argentina). — S-ro Martin Foledo, str. Lima 234. PI. L. kun ĉiuj samideanoj. Li serĉas ankaŭ poŝtmark kolektistojn en sia lando, sed li mem ne kolektas.

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (Ve). PI.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ESPERANTISTA POETINO verkas ĉiajn fesikantojn. Bonaj referencoj, malaltaj prezoj. Mendante oni aldonu notfolion de la dezirata melodio. Julie Wolfson, Breslau (Germanujo), Aŭgustastr., 36.

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj la nordo. Eksport- kaj import-komisioj. Adreso : G. Klefe, Unterave, 8, Lübeck (Germanujo).

ĈU VI AMAS belajn kantojn ? Se jes, ensendu tuj 20 Sd. (duona prezo) poŝtmandate aŭ du respondkuponojn al Emil Finn, Upsala (Sved.) kaj vi ricevos la libron *Sveda Kantaro*, enhavantan 30 svedajn kantojn, esp. trad. kun melodioj.

ŜPARMONO 4 %. — Eldonejo « Esperanto ». Leipzig, Augustenstr. 17 p. r., Germanujo.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastia (Hispanujo).

SILISTRA-BULGARUJO. — S-ro Janko Davidoff, fabrikanto de feraj kaj ferladaj artikoloj serĉas bonan specialiston de tiaspeca industrio kiel direktoron aŭ gvidiston de sia fabriko. Bona salajro. Skribu al la suprecitita adreso.

INĜENIERO 36 JARA, tre energia, lerta teknikisto, kondukis dum 18 jaroj ĉiuspecajn laborojn kaj marmorajn laborejojn proponas sian kunlaboradon al serioza firmo. — Adresu : boulevard Joseph V. 23, Charleroi, Belgujo.

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leeds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo ; bilardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

SENPAGE vi povas vojaĝi tra fremdaj landoj ! Skribu tuj por informoj : (aldonu 1 respondkuponon) : al : « Esperanto-*Luhaĉovice* : Aŭstrio-Moravio.

# UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

## ELDONAĴOJ

*Esperantia Biblioteko.*

1. **Oficiala Dokumentaro de la 1ª kongreso de U. E. A.** — Plenaj raportoj pri la agado de U. E. A. Protokolaro de la kunvenoj, listo de la kongresoj. Prezo : 50 Sd. afranke.

2. **Oficiala Jarlibro 1911.** — Plenaj informoj pri U. E. A. Listo de la Delegitoj, Subdelegitoj, Oficejoj kaj Entreprenoj. Prezo : 30 Sd. : senpage por Esperantianoj.

3. **L'Espérantisme.** — Propaganda broŝuro en *franca* lingvo pri Esperantismo, U. E. A. kaj ĝiaj servoj, kun elementoj de la lingvo Esperanto. *Tute nova eldonaĵo.* Prezo : 10 Sd. afranke. Alilingvaj eldonoj en preparo.

**Les relations internationales.** — *Comment les faciliter? Comment les développer?* Propaganda folio 4 paĝa en *franca* lingvo. *Tute nova eldonaĵo,* rekomendata al ĉiuj propagandemuloj. Prezo : 50 ekz. 50 Sd. afranke ; 100 ekz., 1 Sm.

Alilingvaj eldonoj en preparo.

* * *

**Oficiala insigno.** — Verda stelo kun blanka trancrando kaj la literoj U. E. A. Prezo : 36 Sd. (pinglo aŭ broĉo), butono 40 Sd. Por rekomenda sendo, 10 Sd. Sd. plie.

**Oficialaj leterpaperoj, kovertoj kaj poŝtkartoj.** — 100 folioj de leterpapero : 70 Sd., 100 kovertoj : 40 Sd., 100 poŝtkartoj 70 Sd.

**Oficialaj markoj.** — Markoj kun la bildo de D-ro Zamenhof, gluotaj sur la korespondaĵoj. Prezo : 100 ekz., 85 Sd. (je la profito de la Centra kaso de U. E. A.

**Gvidfolioj.** — Plena kolekto de la diversurbaj gvidfolioj. Prezo : 50 Sd. afranke.

## MARŜO DE LA ESPERANTIANOJ

Marŝu antaŭen, Esperantianoj,
Avangardo de la batalantoj
Por la paco, pioniroj fervoraj,
Dissemantoj de vivo kaj am'!...
El ĉiuj landoj, de ĉiuj rasoj,
De ĉiuj partoj kaj religioj
Eklevu unu vokon, eklevu unu kanton,
Parolu unu lingvon, parolu Esperant'!
Nek riveroj, nek Alpoj, nek maroj
Estu baroj al frataj rilatoj,
Kaj suspektoj, konfliktoj, malamoj
Malaperu tra la tuta mond'!
El frostaj maroj al landoj varmegaj
Kaj el la uragana al kvieta oceano,
Kunplektu, gefratoj, l'amikajn viajn manojn
Ĉar sun' profetita leviĝas jam!

L. SCARSELLI.

N. B. — Por akiri muzikaĵon de tiu poemo, sin turni ĉe n. E. O. aŭ ĉe l'aŭtoro en Firenze. via del ·'Agnolo 48.
Prezo : Sm. 0.50 (Fr. 1.25).



*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

